VIIa jaro. No 104 ★ Duonmonata ★ 5 Julio 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

**Jara abono** . . . . . . **2,00 $** (5 fr. ») 
**Luksa eldono**. . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
**Korespondado** (1 enskribo) . . **20 Sd.**
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

## TEKSTO



# ESPERANTIA FAKA ORGANIZO

Inter la diversaj demandoj ekzamenotaj de la dua Kongreso de U. E. A., unu el la plej gravaj por la estonteco de Esperantio estas tiu pri fakaj sekcioj aŭ grupiĝoj, kaj ni opinias necesa prezenti ĝin al niaj legantoj kelkajn semajnojn antaŭ la kongresaj tagoj.

En la raporto pri la Revizio de la Statuto de U. E. A., kiun ni submetis al la Augsburga Kongreso, ni interalie diris pri la fakaj grupiĝoj : « Ĝis nun la organizo de nia Asocio estis bazita laŭ la teritorio ; la Esperantianoj estis grupigitaj kaj reprezentitaj laŭ la regionoj, laŭ la landpartoj, kiujn ili loĝas. Sed, flanke de tio, en la lastaj jaroj kreiĝis, paralele kun la teritoria, grupiĝo laŭ fakaj interesoj, ĉu profesiaj, ĉu idealaj. La homoj rilatas ne nur kun homoj de sama regiono, ĉar ili loĝas komunan teritorion, estas submetataj al samaj naturaj kondiĉoj ; la homoj nuntempe rilatas pli kaj pli kun homoj de aliaj landpartoj, sed de sama fako ekonomia aŭ intelekta. Paralele kun tera solidareco, ellaboriĝas profesia, idea solidareco, kiun konkretigas la asocioj kaj societoj — liberaj grupiĝoj de homoj kun komuna neteritoria intereso... » (1) Ni do staras antaŭ nova bezono, kiun ni devas kontentigi. En nia movado, por respondi ĝin, fondiĝis fakaj societoj, sed, kiel ni vidis en lasta artikolo (2), la fondo de tiuj sendependaj societoj estas utila kaj konsilinda nur tiam, kiam ili povas kunigi sufiĉe grandan nombron de interesatoj kaj organizi praktikajn servojn por siaj membroj. Alie ili baldaŭ kaptas letargio kaj morto ; la ekzemploj estas multaj.

Sed ni ankaŭ vidis, ke U. E. A. estas en la realeco nenio alia ol *fakara* asocio, t. e. ĝi prezentas fundamenton organizan por pluraj fakaj societoj. El tio sekvas simpligo de administrado, do ŝparo de tempo kaj mono, kaj aliflanke grava faciligo por la uzanto de la servoj. Sama homo ne bezonas ĉiam la samajn servojn. Komercisto povas bezoni servojn kiel turisto aŭ uzi la servojn de la junula fako por siaj filoj. Se ekzistus pluraj memstaraj fakaj societoj, unu por komerco, unu por turismo, unu por junuloj, li estus devigata aliĝi la tri societojn, pagi tri kotizajojn, partopreni en la vivado de tri malsamaj organismoj. Kontraŭe, interne de U. E. A. sama persono, per unika kotizajo, havas la eblecon uzi plurfakajn servojn. En la nuna stato U. E. A. anstataŭas societon internacian de komercistoj, al kiuj ĝi liveras servojn per siaj komercaj konsuloj, societon de turistoj, societon de junuloj, k. t. p. dank'al siaj diversfakaj konsuloj. Ni jam ofte montris, ke U. E. A. estas, en ia maniero, komparebla al ŝtato aŭ komunumo, ki interŝanĝe de imposto liveras al siaj anoj diversspecajn servojn, respondantajn al plej malsamaj bezonoj.

Sed, por esti vere utilaj kaj bone aranĝataj, estas necese, ke la organizo de tiuj servoj estu fiksata de la homoj speciale kompetentaj pri ili. Ni ne imitu tiun Parlamentan metodon, laŭ kiu kuracistoj leĝofaras pri komerco kaj komercistoj pri armeo. Por tiu celo estus dezirinde, ke interne de U.E.A., la komercistoj, la turistoj, la virinoj, la laboristoj ekzemple, povu aparte asociiĝi por studi ĉiujn demandojn, kiuj rilatas al la servoj por komerco, turismo, virinoj kaj laboristoj, kaj

(1) Oficiala Dokumentaro de la 1-a Kongreso de U. E. A., paĝo 19.
(2) Vidu *ESPERANTO*, N-o 94 : *Fakaj Organizajoj*.

alporti projektojn, kiuj estos tiom pli maturaj, ke ili estos prilaborataj de personoj ĝuste konantaj la bezonojn de la rondo por kiu ili estas difinotaj.

Aliparte tiaj fakaj grupiĝoj certe utilos por plimultigi la rilatojn kaj interŝanĝojn de ideoj kaj servoj inter ĉiulandaj samfakanoj. Ili helpos al la forigo de la antaŭjuĝoj kaj malkompreniĝoj, kiuj tro ofte apartigas diversnaciajn homojn laborantajn sur la sama agadkampo. El propaganda vidpunkto ilia signifo ne estos malpli granda. Flanke de la ĝenerala propagando por U. E. A., plenumata de niaj Delegitoj, estas necesa en multaj okazoj speciala faka propagando, kiu estos tiom pli efika, ke ĝi estos farata de samfakanoj mem. Estas evidente, ke por komercisto pli valoras pri komerco la opinio de komercisto ol de alia profesiano.

El tiuj diversaj kaŭzoj venis la ideo krei interne de nia Asocio specialajn fakajn sekciojn laŭ la postuloj de la bezonoj, tiel same kiel ni jam organizis teritoriajn (regionajn kaj distriktajn) sekciojn. La komitato de U. E. A. jam favoris tiun ideon, ĉar ĝi aprobis la projekton organizi inter Esperantianoj specialan sekcion por interŝanĝado kaj interkorespondado, kiu respondas al ofte esprimita bezono. Ni opinias, ke tiel same ni povus kaj devus tuj de nun organizi kiel fakan sekcion la komercislojn, la virinojn, la laboristojn, la turistojn, kiuj estas nun sufiĉe multaj en nia Asocio.

Kiaj estos la celo kaj la agadrimedoj de tiuj fakaj sekcioj? Kompreneble ili pri la detaloj diferencos laŭ la fakoj kaj ni ĉi tie povas desegni nur la grandajn liniojn.

Ilia celo estos triobla :

Unue, la faka sekcio studos ĉiujn demandojn, kiuj rilatas al la servoj mem de la fako, ilia reguligo, ilia plibonigo kaj plivastigo.

Due, ĝi klopodos plifaciligi kaj plimultigi la rilatojn inter siaj ĉiuregionaj membroj, favori inter ili utilan interŝanĝadon de ideoj pri temoj de komuna intereso kaj helpi ĉiujn entreprenojn, kiuj celas la plibonigon de la internaciaj rilatoj el la speciala faka vidpunkto.

Ni nun vidu, kia estos la organizo de tiuj fakoj.

Ĝia ĉefa karakterizo estos ke partoprenado en la fakaj sekcioj estas laŭvola. Povus aliĝi al iu fako, ĉiu Esperantiano pagonta modestan specialan kotizajon, kiu kompreneble varios laŭ la fakoj, sed ĝenerale estos ne pli alta ol la ordinara membra kotizajo. La Esperantiaj Entreprenoj estus plenrajte, sen plua kotizajo, membroj de la faka sekcio, kiu ilin koncernas. Ekzemple, la Entreprenoj kavantaj komercan karakteron estus membroj de la komerca fako, la Entreprenoj la Entreprenoj havantaj turisman celon, kiel hoteloj, iniciataj sindikatoj, informsocietoj, estus membroj de la turisma fako, k. t. p.

Ĉiun fakon direktus, kiel ĝis nun, fakestro, elektata de la Komitato de U. E. A., kun la helpo de komisiono konsistonta el diverslandaj kompetentuloj, balotataj de la fakanoj mem. Sed ĉar la speciala intereso ĉiam devas submetiĝi al la ĝenerala intereso, la laboroj de la komisionoj fariĝus definitivaj nur post la sankcio de la Komitato de U. E. A.

Dum la Esperantiaj Kongresoj, la fakaj sekcioj kunvenus almenaŭ unufoje por aŭdi la raporton de la fakestro kaj per deziresprimoj fiksi la ĉefajn liniojn de la agado de l'fako dum la venonta jaro, sub la rezervo de la sankcio de la tuta Kongreso.

La administrado mem de la fako kaj de ĝiaj servoj estos kompreneble plenumata ĉe la Centra Oficejo de U. E. A., sed oni povos difini relativan financan memstarecon de ĉiu fako. Ekzemple, en la okazo de profito, la duono devus esti konstante uzata por la fako mem, la alia duono por repagi la administrajn elspezojn de la Centra Oficejo.

Unu el la plej efikaj kaj postulataj agadrimedoj de la fako estos la faka Bulteno, kiu estos ĝia oficiala organo. Ni, kiel modestajn provojn, komencis eldoni *Komercan Bultenon* kaj *Virinan Bultenon*, sed estas evidente, ke la eldonado de tiuj bultenoj kaŭzas elspezojn, kiuj povas esti repagataj nur se la personoj aliĝantaj fakan sekcion pagas apartan kotizajon, interŝanĝe de kiu ili ricevos senpage la bultenon kaj la eventualajn eldonajojn de la fako. En la Bulteno aperos ĉiuj informoj pri la agado de la fako, oficialaj avizoj por la fakaj konsuloj, proponoj de la membroj pri la funkciado de la servoj kaj artikoloj de faka intereso verkitaj de diverslandaj kunlaborantoj kaj celantaj precipe utili al la membroj. Tia Bulteno, regule aperanta, nedubeble multe helpos al ĉiam pli ofta uzado de niaj servoj kaj al ilia plibonigo. Kiam ĝiaj monrimedoj estos sufiĉaj, ĉiu fako povos eldoni praktikajn malgrandajn verkojn por siaj membroj. Ni rimarku pasante, ke tiuj fakaj bultenoj kaj eldonajoj estos la plej bona fonto por farado de teknikaj vortaroj, bazataj sur efektiva uzado de la lingvo.

Ni estas certaj, ke tiaj fakaj grupiĝoj ekzistantaj interne de U. E. A., sin reciproke subtenantaj kaj helpantaj, agantaj laŭ pozitivaj kaj pratikaj programoj, pli efikos kaj plenumos pli fruktodonan laboron, ol multaj sendependaj fakaj societoj, sen rilatoj unu kun la aliaj, sen komuna administra centro, sen komunaj principoj kaj agadmetodoj.

H. HODLER.

---

# PROVERBOJ

Sub seruro promesojn tenu, sed doninte ne reprenu.

Kiam havo malaperis, saĝo aperis.

Truon de l'honoro flikos neniu tajloro.

Pli bona estas virto sen oro, ol oro sen honoro.

Alian ne mallaŭdu, vin mem ne aplaŭdu.

Kritiki estas facile, fari malfacile.

Sonorilo vokas al preĝejo kaj mem neniam iras.

Kiu fosas sub alia, falos mem en la foson.

Ekzemplo proponas, sed ne ordonas.

Kio konvenas al sciuro, ne konvenas al vulturo.

En fremd okulo ni vidas ligneron, en nia ni trabon ne vidas.

Pli bone estas ŝviti ol tremi.

Pro amo al la kandelo kato lekas la kandelingon.

Antaŭe intencu kaj poste komencu.

Ofte ligis malsaĝulo, kaj dek saĝuloj malligi ne povas.

Unu malamiko pli difektas, ol cent amikoj protektas.

Kiu venis unue, muelas pli frue.

Ne venas vato mem al kato.

Kio vendiĝas kaŝite, vendiĝas plej profite.

Postulo ne pretendas, rifuzo ne ofendas.

Hodiaŭ al mi, morgaŭ al vi.

Senkonscie vi agis, konscie vi pagos.

Leĝo estos cedema : kien vi deziras, ĝi iras.

Se mi scius, kion mi ne scias, ĉiuj saĝuloj min envius.

Koniĝas birdo laŭ flugo kaj homo laŭ ago.

Mano dekstra ne sciu, kiun faras la maldekstra.

(El PROVERBARO, de D-ro M.-F. Zamenhof).

# SOCIA VIVO

HISTORIO

## La malfermo de l'Portugala Parlamento (1)

Notinda fakto okazis en Lisbona, la 19-an de la nuna monato : la solena malfermo de la Parlamento, eble la plej grava kaj signifa fakto de la tuta portugala historio. Se ne la plej grava sendube la plej entuziasmiga, kaj certe la plej signifa ĉar ĝi elmontras tre klare deziron altan kaj varman de popolo aspiranta sian kompetentan lokon apud la plej civilizitaj landoj kiuj kunmarŝas en la antaŭo de konstante progresanta vojo.

Mankas al mi vortoj por fidele, elokvente sed verdire esprimi la grandiozecon de tiu impresplena fakto, kiun iu konsideris la plej bela pruvo de la demokrataj sentoj de l'portugala popolo, sed kiun mi prefere alnomus brua manifestacia eksplodo de intima patriota ĝojo. Ne facile estas ja trovi vortojn sufiĉe klarigantajn por konigi la entuziasmon varmegan de l'popolo pri la malfermo de sia plej grava kaj respektinda institucio, nome la Parlamento.

La 19-a de Junio de 1911 estas de nun konsiderata historia tago por ĉiuj Portugaloj. Manifestaciojn tiel priskribindajn kiel tiu oni neniam forgesas kaj ili formas apartan ĉapitron en la granda libro de nacia historio. Per ĝi popolo certigas sian vivemon kaj sian karakteron, konigas sian animon kaj siajn plej intimajn sentojn. La Portugaloj elpruvis kontenton. energion, konfidon kaj pacemon. Kontenton pri sia nuna regformo, energion por subteni ĝin, konfidon pri sia situacio kaj pacemon per la orda kaj harmonia formo kiel ĉio estis farata.

Verkisto skribis, ke tiu manifestacio ne estis apenaŭ la plej ĝenerala kaj forta respublikana elmontro de popolo sed precipe ĝia nepra certigo de vigleco, kiu scias kiel praktiki la ateston kaj garantii la fakton de sia supereco kaj de sia nedetruebla nacieco.

La ĉi-supraj vortoj estas tre precizaj kaj kiu alestis al tiu mirinda spektaklo ilin ne povas nei.

De la mateno nekutiman movadon oni vidis ĉe la urbaj stratoj : personoj promenantaj, regimentoj marŝantaj je la sonado de heroaj himnoj, kaj ĉie unuvorte, ĝenerala viveco. El fenestroj elpendis ĉiuspecaj ornamajoj ; belaj riĉaj ŝtofoj, rondaj, kvadrataj, stelaj balonoj, longaj rubandoj diverskoloraj, beletaj ĝardenaj floroj, ĉiulandaj flagoj kaj flagetoj, k. c.

La aleo kondukanta al la Parlamentdomo prezentis kuriozan vidindan aspekton : fenestroj kovritaj per ornamajoj ; de ambaŭ flankoj altaj mastoj ŝancelantaj larĝajn flagojn ; de loko al loko artaj arkajoj kaj muzikistarejoj kaj fine ruĝaj, blankaj kaj verdaj elektraj lampetoj iluminontaj dum la nokto.

Duono de la dekunua ! Ĉe la Parlamenta salono la deputatoj atendas la registaron. Inter ili regas konsento. Konatajn vizaĝojn oni tie vidas.

Kelkaj survestas frakon, aliaj malpezan surtuton, aliaj simplan veston. Militistoj surportas siajn allogajn uniformojn. Ankaŭ ne ĉiuj havas saman aspekton. Unuj estas maldikaj kaj ŝajnas nefortikaj, aliaj kontraŭe prezentas fortikajn mienojn : tiuj-ĉi lastaj estas provincaj deputatoj kiuj venis por defendi la regionajn interesojn.

La ministroj de maraj, militaj, publikaj kaj financaj aferoj jam alvenis. La prezidanto de l'Parlamento tiam komencigis la preparajn laborojn. Post kelkaj minutoj aperas D-ro Teofilo Braga, prezidanto de l'provizora registaro. La granda momento alproksimiĝas. Tiam la prezidanto deklaras, ke ekstere de la salono troviĝas ĉirkaŭ 200 reprezentantoj de la provincaj urb-kaj urbetdomoj, kiuj deziras alesti al la oficiala proklamo de la Respubliko. La deputataro permesas kaj la reprezentantoj, delegitoj de la popola volo, eniras kunportante siajn luksajn standardojn kaj ĉirkaŭas la prezidantejon.

Ĉio estas plenega. La okuloj fikse rigardas la prezidanton. Tiu-ĉi laŭte ordonas, ke ĉiuj stariĝu kaj per forta kaj sonora voĉo legas la dekreton, laŭ kiu estas proklamata la Respubliko.

Kvazaŭ uragano bruega aplaŭdado ektondris kaj dum pli ol 5 minutoj surdiga entuziasmo ĉion superas. Dum momentoj deliro kaj freneza pasio kaptas la ĉeestantojn ; ili movas tukojn kaj vivuas. Post unu ondo de aklamoj alia ondo venas kaj ŝajnas ne finiĝi tiu oceano de patriotaj eksplodoj.

Sed laŭ peto de l'prezidanto ĉiuj silentiĝas. Oni legas tiam novan dekreton pri la nova nacia flago ruĝa kaj verda kaj pri la himno « A. Portuguesa ». Tuj, sekvante la figuron respektindan de l'prezidanto, ĉiuj kuniras al la balkono rigardanta arbĉirkaŭatan placon. Tie amasiĝas avida publiko atendante la legadon de tiu dekreto kaj kiam tiu legado finiĝas kaŝata risorto movas en deliron tiun vastan maron de personoj.

La regimentoj ekmarŝas militsalutante la Respublikon. Ĉe la apero de ĉiu roto ekkrakas novaj manifestadoj, kunfratigantaj popolon kaj soldatojn.

La Respubliko estas de nun fortege enradikata. Nenio kaj neniu povos skui ĝiajn radikojn tre funde enterigitajn. Ĝi marŝas sian vojon malgraŭ la baroj, kiujn oni pretendos al ĝi antaŭmeti.

B. Martins d'Almeida (Del., Lisboa).

(1) Kvankam tiu artikolo havas iom politikan karakteron, ni ĝin tamen enpresas ĉar ĝi traktas en tre vivanta maniero gravan okazintajon, pri kiu tre mallonge raportis la ceteraj Eŭropaj gazetoj. (Red.)

## La Kronfestoj de Georgo V en Londono

Jam de multaj monatoj la ĉefa atento de la Brita Publiko centriĝis al la venontaj festoj, kiam ilia amata reĝo solene dediĉos sin al sia popolo, kaj kiam lia lojala popolo povos montri al li siajn plenkorajn sentojn.

Por prepari la antikvan Abatejon de Westminster — la historian sanktejon por tiuj ceremonioj dum multaj jarcentoj — estis necese ĝin fermi kontraŭ la vizitanta publiko jam de post Februaro. Kaj monaton post monato novaj aranĝoj sin trudis al la okulo por memorigi pri la venonta solenaĵo.

Sed la ĉefa vigleco komprenebIe okazis nur du aŭ tri semajnojn antaŭ la elektita dato. Tiam la ĉefaj stratoj de okcidenta Londono, tra kiuj la procesio preterpasos, tute aliformiĝis, kaj vastaj balkonoj kaj rigardejoj konstruitaj el ligno, kaj drapiritaj diverskolore tute kaŝis la ordinarajn brikojn kaj ŝtonojn de la konstruaĵoj. Poste sekvis la aranĝo de la elektraj lumoj kaj desegnaĵoj, kiuj nokte faros rimarkindan lumigadon, tagigante la nokton.

Du semajnojn antaŭ Junio 22 niaj belaj parkoj en Londono pleniĝis je tendetoj, kaj sesdek mil soldatoj tie loĝis. Ilia preĝo por senpluva vetero estis fervore ĥoata de ĉiuj Britoj — eĉ la terkulturistoj forgesis por kelkaj tagoj siajn petegojn por pluvo — kiu ne falis dum preskaŭ ses semajnoj.

Tamen, kiam la longe atendata dato fine alvenis, ĉiuj kun maltrankvileco rigardis nubkovritan ĉielon, kaj demandis al si ĉu la longeĝuita « Reĝa Vetero », kiu ĉiam benis la festojn de Viktorio kaj Edwardo VII ne plu versos siajn brilojn sur Georgo V.

Miaj gepatroj kaj mi estis feliĉaj rigardantoj en Whitehall, ĉe la Admiralejo. Ĉie regis perfekta bonordo. Kvankam

multaj personoj kolektiĝis jam antaŭ noktomezo, kaj dormis kaj piknikis sur la strato por certigi al si bonajn lokojn, neniu ŝajnis esti trolacigita. Tamen la ambulanco estis sufiĉe okupata pri svenintinoj kaj svenintoj. Sed se la ĉielo estus estinta sennuba, estas neeble imagi al si la konfuzon, kiu nepre estus okazinta pro la multeco da svenoj kiuj nepre estus estintaj tro oftaj por ricevi helpon.

La ceremonio religia estis tre longedaŭra — tri horojn ĝi okupis.

Do estis neeble al la Reĝo fari la plenan procesion je unu tago. Pro tio la unua tago estis okupata nur de la ceremonia veturado de Buckingham Palace ĝis la Abatejo, kaj la reveno. Tiu ĉi daŭris de la 10-a ĝis 2.30, kaj la meza prezo de sidlokoj por ĝin rigardi estis 25 spesmiloj.

La procesio estis dividata en tri partojn. La ĉefa aplaŭdado estis por la Kronprinco de Germanujo, la Princo de Kimrujo kaj liaj gefratoj, kaj, kompreneble por la Koloniaj soldatoj kaj kelkaj famaj Generaloj.

La Gereĝoj ricevis rimarkindan aplaŭdon, kiam ilia mirinda orumita veturilo, tirata de la ok famaj kremkoloraj ĉevaloj, malrapide preterpasis al la Abatejo. Sed multe pli varma estis la publika aplaŭdado kiam, revenante, oni vidis la Reĝon kaj Reĝinon portantaj siajn multekostajn kronojn. Tiu de la reĝo pezis pli ol kilogramon, kaj oni povis facile kompreni la diron ke « maltrankvile estas al kapo, kiu portas Kronon ».

Pro la sensuneco kaj malvarmeco de la tago, la plej granda nombro el la veturiloj enhavantaj gastojn ĉe la abatejo estis fermitaj, kaj la publiko ne povis bone vidi la plumojn kaj juvelojn de la sinjorinoj. Do tiuj veturiloj nefermitaj ricevis specialajn aplaŭdojn, kaj se iliaj okupintinoj nun malvarmunis, ili ja povos konsideri sin martiroj al la publika intereso.

Dum la nokto centoj da milioj piede trapaŝis la lumigitajn stratojn por vidi la plej belajn iluminadojn, kiujn mi ĝis nun vidis.

La tasko de niaj amataj policanoj estis ja ne facila, kaj pro ili estis interkonsentite estingi la lumojn je 12.30. Do ĉiuj revenis hejmen sufiĉe frue, kaj ĝuis ripozon antaŭ la ekscitiĝoj de la sekvanta tago.

Por tiu tago nia unua Honora Membro, la Urbestra moŝto de Londono tre afable invitis min viziti la Urbodomon (Mansion House) kaj rigardi la procesion de ĝia balkono. Do mi povis, kiel reprezentanto de la Esperantistoj, doni speciale laŭtan ĝojkrion kiam la Gereĝoj preterveturis, dum brilis la Reĝa Suno. Tre strange estis ke, kvankam ni havis dum kelkaj minutoj grandan pluvon, ĝi tute ne atingis la procesion kiu alvenis nur dek minutojn poste. Ni ĉiuj atendis fermitajn veturilojn, sed kiam la Hindaj princoj unuaj alvenis en malfermitaj veturiloj, kaj ni vidis, ke iliaj unikaj vestaĵoj estas tute senmakulaj, nia entuziasmo tre varme salutis la bonan veterestron. La Urbestra moŝto mem devis akcepti la Reĝon ĉe la eniro en la Civiton, por doni al li permeson ĝin eniri. Post la akcepto, li rajdis sur ĉevalo antaŭ la Reĝo, portanta la historian Glavon de la Civito.

Mi esperas, ke ni povos montri al la Esperantianoj la fotografon de nia unua Honora Membro en siaj multekostaj vestoj je tiu historia okazo.

Kompreneble dum la nokto multaj miloj denove vizitis la iluminacion, sed ho ve ! pluvegis la tutan nokton.

Mi do frue enlitiĝis, ordoninte, ke oni min veku je la kvina matene, por ke mi iru al Portsmouth por viziti la Militŝipan Revuon. Sed, ĉar ankoraŭ pluvegis, mi ne tien iris — je mia granda malprofito, ĉar la tago estis brilega, kaj la sennuba nokto tute ideala por la lumigitaj ŝiparoj.

Sed mia tago ne estis perdita ĉar, ĉe la Kristala Palaco mi renkontis cent samideanojn kaj nokte denove vizitis la iluminaciojn.

Mi esperas, ke la Esperantianoj legis tiun ĉi raporteton kun sufiĉa intereso por ne plendi kontraŭ la Redaktoro ĉar li permesis al mi ĝin enpresigi. En konkludo, mi volus fari nur unu aŭ du rimarkojn.

Unue, mi estis tre feliĉa vidi tre multajn nebritajn vizitantojn inter la rigardantoj de la du procesioj. Kaj tre forte impresis ilin la tre unuigita lojaleco de ni Angloj. Dank'al tiaj festoj, la mondo povas pli intime kaj bone kompreni siajn najbarojn. Nur por tiu kialo, do, mi ĝojas, ke la festo povis okazi.

Ke la Reĝo mem devas konservi en la memoro la solenecon de tiu tago estas nedubeble, kaj tiuj memoroj devas lin tre forte influi kaj gvidi lin dum lia malfacila kaj laciga tasko.

Ke la vastaj homamasoj kondutis dum la tuta semajno tiel bonkore kaj laŭregule, donas veran ekzemplon, kaj montras la grandan progreson, kiun oni faris dum la lastaj jardekoj, kaj la efektivecon, de tiu granda edukada movado, pri kiuj kelkaj saĝuloj kelkafoje ekdubas.

Tre eble mi neniam povos ĉeesti alian Britan kroniĝfeston. Mi esperas ke ĝi estos tre malproksima, se mi iam ĝin povos vidi : kaj mi esperas, ke ĝi montros eĉ pli grandan progreson laŭ ĉiuj vidpunktoj ; kaj ke la Esperantianoj povos esti oficiale reprezentataj eĉ en la Abatejo mem !

H. Bolingbroke Mudie,
Prezidanto de U. E. A.

EKSPOZICIOJ

## Internacia Higiena Ekspozicio

*(Fino)*

Tre proksime akceptas nin la plej granda palaco de la tuta ekspozicio : *Loĝado* estas la ĝenerala titolo de ĝia enhavo, kiun oni partigis en la fakoj : konstruado de urboj, ilia lumigado, akvoprovizado, hejtado kaj aerumado de la domoj kaj loĝejoj, ilia purigado kaj tiu de la stratoj. Krom la scienca traktado de la temoj cititaj, multegaj firmoj en- kaj eksterlandaj anoncas — parte ankaŭ en Esperanto — la koncernajn bezonaĵojn kaj komfortaĵojn, ili montras tiujn fabrikaĵojn en plej eleganta maniero. Simila estas la aranĝo en la najbaraj grandiozaj haloj por *nutrado, vestado, sporto, flego de korpo* : ĉie ĉirkaŭ scienca revuo grupiĝas riĉa ekspozicio de la objektoj rekomendindaj por laŭhigiena vivtenado. La sportoj ĉiuspecaj — de simpla gimnastiko ĝis aerŝipo kaj aviado — estas riĉege reprezentataj. Tiu ĉi ekspozicio gvidas nin eksteren al granda sportplaco, ovala areno, en kiu nun preskaŭ ĉiutage okazas pacaj vetbataloj kaj sportludoj de amatoroj kaj profesiuloj el diversaj nacioj. Grandega bronza statuo de « Pilkjetanto » ornamas la rave lokitan ejon, kiu vere estas paradizo de la sporto, tiu pli kaj pli respektata higiena faktoro.

En la ĝis nun tramigritaj haloj ni vidis la higienon de la plej diversaj vidpunktoj laŭ praktikaj kaj sciencaj spertoj faritaj en la tuta mondo. Kion nun ĉiu popolo, ĉiu nacio speciale devis kaj devos fari en higiena rilato pro sia klimato, la terformacio aŭ pri apartaj moroj de siaj loĝantoj, tio tre interese estas montrata en la propraj domoj—ne, ne en domoj, en la luksegaj palacoj de la diversaj nacioj. Francujo tre elegante prezentas sin en palaco laŭ stilo Ludoviko XVI ; en la imponanta vestiblo ni respekte salutas buston de Pasteur. Rusujo ekspozas en granda halo laŭ nacia stilo, multkolore pentrita, kaj montras en ĝi produktaĵojn kaj higienajn instituciojn de siaj multaj regionoj. Kompare simplaj, tamen gustoplenaj konstruaĵoj enhavas la ekspozaĵojn de Aŭstrio kaj Hungarujo ; la bela Svislando akceptas nin en tipa svisa domo. En plej diversstilaj domoj kaj pavilonoj prezentiĝas Anglujo, Usono, Brazillando kaj la urbo Amsterdam. Gracie aspektas la konstruaĵoj de Japanujo kaj Ĥinujo, starigitaj laŭ la tradicia maniero de tiuj landoj. Ke tiu ĉi strato de la nacioj faras impreson tute

internacian, ne estas necese diri, sed dank'al la jam nun ĉe la komenciĝo multnombra vizitantaro, ankaŭ la vivo en la ekspozicio estas vere internacia, eksonas ĉiuj lingvoj civilizaj. Kompreneble ne povas manki ĉe tia okazo Esperanto. La Dresdena Esperanto-Societo aranĝis en la ekspozicia filio de la bankejo Gebr. Arnhold oficejon kaj Esperanto-informejon por fremduloj ; policanoj kaj poŝtoficistoj dejorantaj en la ekspozicio parolas nian lingvon kaj estas ekkoneblaj per la stelo ĉe la maldekstra maniko. Jam aperis esperanta broŝuro riĉe ilustrita pri tiu ekspozicio; multaj ekspozantaj firmoj uzas Esperanton por afiŝi kaj estas pretaj al esperanta korespondado ; kelkaj el ili eldonis esperantajn katalogojn. Nia lingvo vivas en la ekspozicio ; al tio helpas ankaŭ regulaj kunvenoj de la Dresdenaj samideanoj en la diversaj ekspoziciaj restoracioj kaj komunaj promenadoj tra la haloj.

Cetere ne estas forgesitaj sufiĉaj okazoj por refreŝiĝi kaj amuziĝi : diversaj restoracioj zorgas tiurilate en bonega maniero por nia bonfarto ; ĉiutage kelkfoje oni aŭdas orkestrajn koncertojn ; vespere la parko estas brile lumigita : ĉi ĉio povas nur pli longe restigi la vizitantojn.

Kaj ankaŭ vi, esperantianoj ĉiulandaj, venu Dresdenon kaj reale vidu, kion vi image rigardis dum la vagado kun mi tra la ekspozio. Vi certe estos kontentaj — ĉu vi nur supraĵe trarigardos la halojn kaj krom la facile gajnitaj ĝeneralaj informoj ĝuos la grandurbecan vivadon en nia bela Dresdeno kaj ĝia rava ĉirkaŭaĵo, ĉu vi venos por serioze studi kaj akiri materialon por longedaŭra hejma laboro. Kaj duoble agrabla estos por vi kaj ni se vi povos elekti por via vizito la tempon inter la 16-a ĝis la 18-a de aŭgusto, ĉar en tiuj tagoj ja okazos en la ekspozicio la *Dresdena antaŭkongreso* por la sepa, kun festo de la Saksa Ligo Esperanta kaj kunvenoj de la anoj de V. E. L. kaj T. E. K. A., k.t.p. Kompreneble ankaŭ la ĉeestantaj esperantianoj aparte kunvenos. Bonega estas la okazo, intervoje al Antverpeno restadi en la urbo de la neforgesebla « Kvara », vidi la unikan Internacian Higienan Ekspozicion kaj komenci la interkonatiĝon kun samideanoj, revidi malnovajn kongresamikojn. Uzu tiun okazon ! Venu Dresdenon ! J. Kansch (Dresdeno).

IDEOJ & FAKTOJ

## La laborpensioj en Francujo

La leĝo de l'5a de aprilo 1910, aplikota tuj de la 3a de julio 1911, estas difinita por la salajruloj, metiistoj, malgravaj laborejestroj, modestaj bienhavantoj, farmistoj, kaj por iliaj edzinoj aŭ vidvinoj. Ĝi ebligas ilin havigi al si, kiam ili estos 65 jaraj, dumvivan pension, pli malpli altan laŭ la sekso kaj nuna aĝo de la rentotuloj, sed kiu, normale, t.e. kiam la leĝo estos plene kaj jam de longe reganta, povas atingi 157 Sm. por la viroj, kaj 126 Sm. por la virinoj.

La asekurotoj estas dividataj en du kategorioj : 1e devigaj, 2e laŭvolaj.

Estas devigataj sin asekuri ĉiuj salajruloj kiuj estas malpli ol 65-jaraj, kaj kies jara salajro ne superas 1.200 Sm , ĉu ili estas komercaj, industriaj, terkulturaj dungitoj, ĉu ili laboras en metiejo aŭ hejme, ĉu ili estas pagataj laŭtempe aŭ laŭtaske. Tamen la laboristojn aŭ oficistojn, kiuj jam partoprenas en ŝtata aŭ industria rento, laŭ antaŭaj leĝoj, kiel ŝtatoficistojn, fervojistojn, maristojn, k. a., la nova leĝo ne koncernas.

Asekuriĝas laŭvole farmuloj, negravaj bienhavantoj, sendependaj metiistoj laborantaj por si mem, solaj aŭ kun la familianoj, salajruloj, kies jara salajro superas 1.200 Sm. sed ne 2.000 Sm.

Jen la bazo, laŭ kiu estos kalkulataj la pensioj : 1e ĉiu dungito faru en la ŝtatkason, aŭ en ĉiun ajn alian ŝparkason aprobitan de la ŝtato, jaran mondeponon da 1,80 Sm. por junulo ĝis lia 18a jaro, da 3,60 Sm. por plenkreska viro, da 2,40 Sm. por virino ; — 2e la mastro faru egalvaloran mondeponon por ĉiuj siaj dungitoj kaj oficistoj ; — 3e kiam venos la tempo por ricevi la renton, la ŝtato ĝin plialtigos per aldono da 24 Sm. se nur la interesato faris dum sia tuta vivo almenaŭ tridek mondeponojn. Tiu ĉi lasta kondiĉo estas plenumebla nur por laboristoj, kiuj ankoraŭ nun ne estas 35 jaraj. Por la aliaj, nun pli maljunaj la leĝo plialtigas la pension per dua aldono pligrandiĝanta, laŭ la aĝo, ĝis 16 Sm.

Malgraŭ la antaŭanoncitaj profitoj haveblaj per tiu leĝo, ĝi estis malfavore akceptata en diversaj laborfakoj, precipe de la C. G. T. (Generala Laborista Konfederacio).

Jen kion diras pri ĝi S-ro Allard, socialista eks-deputato : « Oni devas konfesi, ke la leĝo pri la laboristaj kaj terkulturistaj pensioj estas iom malvarme akceptita. Tio estis antaŭvidebla, ĉar inter la monstroj nomitaj leĝoj, naskitaj de nia Parlamento, ĝi vidiĝas kiel unu el la plej karakterizaj. Malbona en siaj ĉefaj punktoj, tiu leĝo estas ankaŭ maloportuna per la konfuzo de sia aplikado. Ĝiaj ĉefaj malbonaĵoj estas jenaj : 1e laborista kotizo ; 2e kapitaligo de la mono ; 3e tro malfrua aĝo de la pensiuloj ; 4e nesufiĉeco de la rentoj.

« Estas klarvideble, ke la laborista kotizo aperas kiel nova imposto sur la laborklaso. Tial, ĝi estas kontraŭa al la esenco mem de la laborpensioj, ĉar la rentoj devas precize celi, redoni al la laboristaro parton de la mono, kiun ili ne povis ŝpari pro nesufiĉeco de la salajroj. Kaj se vi fiksas je 65 jaroj la aĝon de la rento, estas memvideble, ke tiu mondepreno montriĝas ankoraŭ pli malagrablega, tial ke malmultaj estas la laboristoj, kiuj ĝisvivas tian aĝon. La kalkulo, kiun faras por si ĉiu laboristo, estas tre simpla : Li diras al si, ke estus malsaĝege forlasi parton eĉ malgrandan de salajro jam nesufiĉa, por la celo havigi al si en la estonto, renton, kiun li preskaŭ certe ne trafos. Kiu homo povas esperi ĝisvivi sian 65an jaron ? Mi estas certa por mi mem, ke mi estos mortinta antaŭ ol mi estos 65 jara. Kiom multaj aliaj homoj scias ankaŭ tre certe, ĉu laŭ sia kuracisto, ĉu pro la ordinara malbonfarto, ke ili ne maljuniĝos. Kaj vi deziras, ke tiuj facilanime deprenu de la ĉiutaga enspezo kotizon por estonta pensio kiun ili neniam atingos !

« Nu, se la aĝo por la pensio, estus malaltigita ĝis 55, aŭ eĉ nur 60, la kalkulo ne plu estus sama. Oni povas esperi, ke oni vivos ĝis tiu aĝo. Mi tre kredas, ke se estus tiel, kaj se la kvanto de la jara rento estus pligrandigita, la laboristaro konsentus eĉ pri la laborista kotizo. Sed renton post la 65a jaro, ĝi nomas trompo. Kiu kuraĝus ĝin malpravigi ? Plie estas la kapitaligo. Kiu povas certigi, ke neniam la regantoj utiligos por aliaj celoj la gravajn monsumojn enkasigitajn? Tion oni iam vidis. Mi ne volas longe paroli pri la neimageblaj konfuzoj en la aplikado. Sufiĉas rimarkigi, ke la kotiza karto revivigas la malŝategindan libreton de l'laboristoj, kiu feliĉe estis malaperinta. Fakte, la regnanoj estos sub konstanta polica kontrolo.

« Se la Parlamento firme deziras starigi la laborpensiojn, ĝi devas honeste konsenti de nun, ke ĝi eraris, kaj tuj rebonigi la leĝon. La modifoj estu la sekvantaj : 1e forigo de la laborista kotizo ; 2e disdivida sistemo anstataŭ kapitaligo ; 3e plimalaltigo de la aĝo ; 4e plialtigo de la rento.

« Mi scias, ke oni kontraŭstaros per la neebleco trovi la monon necesan. La argumento ne valoras : kiam oni havas monon por senutile batali en Maroklando kontraŭ libera popolo, oni devas ankaŭ havi monon por malhelpi, ke maljunaj laboristoj mortu pro malsato. »

Jen la opinio de S-ro Viviani, eksministro por Laboro : « Neniu el tiuj, kiuj partoprenis en la preparado kaj enkonduko de la leĝo, iel dubis pri la malfacilaĵoj de ĝia aplikado; kaj la homoj kiuj nun juĝas ĝin neoportuna, la socian historion de nia lando tute ne konas. Ne ekzistas leĝo pri sociaj interesoj, kiu ne kaŭzis laŭtan kriadon en nia gento. La leĝoj pri la sindikatoj, pri la dumlaboraj akcidentoj, pri la

monhelpado al la maljunuloj, pri la ĉiusemajna tagripozo, estis fortege kontraŭbatalataj. Tamen ĉiu el ili estas nun trankvile aplikata, kaj kia ajn atenco kontraŭ ili elvokus justajn kolerojn. Vi povas esti certa, ke okazos same kun la nova leĝo. Cetere, la nunaj malfacilaĵoj devenas malpli de vigla kontraŭstaro, ol de plena nekompreno kaj nescio pri la leĝaj aranĝoj. Feliĉe, estas rimedo por tio: oni elmontris la movon marŝante; oni elmontros la laboristajn rentojn, ilin disdonante. »

S-ro J. Roche, deputato, opinias: « Tio estis antaŭvidita kaj neevitebla, kio okazas hodiaŭ. La leĝo kun ĝiaj tri fundamentaj malbonoj: devigo, unuformeco kaj kapitaligo estas baldaŭ mortonta. Kiel miri pri la malfervoro de la interesatoj, kiam oni konas ilian opinion pri la leĝpropono? Oni estis petinta de la sindikatoj mastraj, miksaj kaj laboristaj ilian opinion; 1774 sin proklamis malfavoraj, 215 favoraj. « Kaj » aldonas S-ro Roche, « al la samaj, kiuj forpuŝis la danĝeran donacon, oni volas hodiaŭ altrudi ĉiujn ĝiajn kondiĉojn! La leĝo estas malbona. Oni tuj konsentu, ke oni eraris. Mi nevidas alian eblan solvon ol leĝon laŭ la Belga sistemo. »

Aliajn opiniojn ni povus ankoraŭ kolekti, pli malpli favorajn. Sed la Franca ministraro intencas firme aplikigi la leĝon malgraŭ ĉiuj kontraŭstaroj; kaj granda estas nun la laboro en ĉiuj urboj kaj vilaĝoj por enskribigi la interesatojn. Tre kredeble, post mallongaj malkonsentoj kaj klopodoj, la leĝo estos ĝenerale kaj privatmove akceptita, pro la profitoj, kiujn ĝi de nun certigas al multaj laboristoj. Cetere nenio malhelpas, ke, iom post iom, oni forigu la malbonaĵojn montritajn de la praktiko.

A. Fabre, (Toulon)

## Unua Universala Raskongreso

En la centra aŭlo de la Universitato de Londono vidiĝos en la venonta Julio (26-29) unu el la plej inspirantaj spektakloj de l'historio tutmonda. Reprezentantoj de ĉiuj rasoj sur la tero kunvenos kiel egaluloj kaj en konsiliĝo por diskutadi, kiel forigi la reciprokan malfidon kaj starigi pli amikajn rilatojn inter la okcidentaj nacioj kaj la aliaj popoloj de l'mondo. Neniam antaŭe okazis io tia, kaj estas esperate, ke ĝi estos nur la unua en longa serio de tiaj kunvenoj.

La Unua Universala Raskongreso estos vere interrasa; ĉar la hebreoj, Hindujo, Japanujo, Turkujo, Persujo, Egiptujo, kiel ankaŭ la rasoj de Afriko kaj Nordameriko estos reprezentataj de verkistoj de sia propra speco kaj gento, krom de britaj verkistoj kiaj Sir Sydney Olivier, Sir Charles Bruce, Sir Harry Johnston, kaj de distingitaj kontinentaj kaj amerikaj verkistoj. D-ro Zamenhof, la aŭtoro de Esperanto, prezentos brilan kaj trafe rezonitan memuaron pri la bezono al internacia lingvo.

Per tiu ĉi artikolo la Organizantaro de la Kongreso faras koran inviton al amikoj de interrasa amikeco troviĝantaj inter la Esperantistoj, ke ili faru specialan penon, ĉeesti aŭ iel partopreni la kongreson, kaj helpi ĝin esti imponanta manifestacio por la reciproka bonvolo inter la popoloj de Eŭropa deveno kaj tiuj de deveno Azia, Afrika kaj Aŭstralia. La Organizantaro sentas, ke la esenca bazo de la internacia lingvo estas ja la deziro, kompreni aliajn homojn kaj esti de ili komprenata, kaj ke tiu reciproka kompreniĝo nur tiam estas ebla, kiam la rilatoj inter la diversaj popoloj estas bonkoraj.

La Organizantaro plue opinias, ke la Esperantistaro nepre sentas specialan aprobon al la bonvolo universala inter la popoloj kaj tial devus fari specialan provon, helpi ĉi tiun kongreson, kiu celas forigi la multajn kaŭzojn de interrasa malfido kaj malpaco. Ĉeestante aŭ aliĝante la kongreson grandanombre kaj subtenante, per motivoj kaj insiste, la diversajn pledojn por reciproka respekto inter la rasoj, ili pruvos, ke ili komprenas la tutan problemon, ligitan kun la postulo al internacia lingvo. La organizantaro estas ankaŭ konvinkita, ke tiuj, kiuj ĉeestos, forportos kun si altŝatindan scion, multvalorajn memorojn, kaj novan esperon por la proksima estonteco (1).

G. Spiller,
*Hon. Sekretario de la Kongreso.*

LABORO

## La Registaraj Dungejoj en Britujo

De la tempo kiam mi antaŭe skribis pri la Registaraj « Dungejoj » en Britujo (2) pasis almenaŭ ok monatoj. En diversaj lokoj, la Registara Administrado de komerco elektis komercajn konsilantajn komitatojn. Ili jam funkcias en la sekvantaj distriktoj: Yorkshire (nord- kaj sud-okcidenta); Lancashire (orienta kaj Liverpool); Sud-Kimrujo kaj en la Orienta Mezo de Anglujo. Tiuj komitatoj konsistas el reprezentantoj de la dungantoj kaj de la laboristoj egalnombre. Ili havas la devon konsili kaj helpi al la Registara Administrado de komerco pri aferoj koncernantaj la kondukadon de la Dungaj Oficejoj.

Krom tio, en diversaj distriktoj, estis elektataj komitatoj por la konsilo al junuloj. Tiuj lastaj komitatoj konsistas el reprezentantoj de dungantoj kaj laboristoj kune kun konsilantoj kompetentaj pri edukado. La konsilantaj komitatoj por junuloj konsilos, helpos kaj donos informojn al junuloj kaj iliaj gepatroj rilate la diversajn okupojn, en kiuj la junuloj povos penetri kaj komenci sian industrian vivon.

Eble interesos la legantaron vidi la ciferojn pri la agado de la Registaraj Dungejoj dum la nuna jaro.

*Plenaĝuloj*

| Monato | Serĉantoj sinresgistrigis | Dungantoj notis bezonon | Sukcesis dungiĝi | Ankoraŭ serĉas |
|---|---|---|---|---|
| Januaro | 189.275 | 29.034 | 23.083 | 83.899 |
| Februaro | 204.477 | 33.282 | 26.001 | 78.059 |
| Marto | 220.441 | 47.844 | 37.714 | 70.421 |

*Junuloj (ĝis 17-jaraj.)*

| Monato | Serĉantoj sinresgistrigis | Dungantoj notis bezonon | Sukcesis dungiĝi | Ankoraŭ serĉas |
|---|---|---|---|---|
| Januaro | 32.162 | 9.090 | 7.129 | 11.021 |
| Februaro | 32.757 | 10.156 | 7.767 | 9.544 |
| Marto | 30.951 | 14.583 | 10.858 | 9.171 |

E. Parker,
Prez. de la Labora Komisiono de U. E. A.

NOTOJ

*9 julio.* — Internacia aŭtomobila kurado Susa-Moncenisio (Italujo).

*22-30 julio.* — Konkurso de fajrbrigadoj, (118 rotoj, 3.000 partoprenantoj) en Cherbourg (Franc.).

*23 julio-5 aŭgusto.* — Rondflugado tra Anglujo.

*26-29 julio.* — Mondkongreso de rasoj en Londono.

*31 julio-6 aŭgusto.* — Kongreso de la Franca Societo por la progresigo de la Sciencoj en Dijon.

*3-5 aŭgusto.* — Internacia kongreso de la turismaj Asocioj en Ĝenevo.

*3-6 aŭgusto.* — Kvina internacia kongreso de Stenografistoj Gabelsberger en Kopenhag.

*10-12 aŭgusto.* — Laborista konferenco en Budapest.

*12-15 aŭgusto.* — Internacia muzikkonkurso en Lausanne (Svis.)

*13-15 aŭgusto.* — Internacia konkurso de muziko en Torino.

(1) Broŝuro kun plenaj sciigoj pri la Kongreso estas havebla senpage ĉe la subskribinto, 63, *South Hill Park, Hampstead, Londono.*

(2) Vidu *Esperanto*, no 88.

# LITERATURA PAĜO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

E. Boirac. **Fundamentaj principoj de la vortaro esperanta.** Paris, Hachette. Prezo : 0,20 Sm.

Tiu broŝureto, malgranda sed riĉenhava, estas aparta eldono de la Antaŭparolo al la *Plena vortaro esperanto-esperanta* de la sama aŭtoro.

Tiu verketo konsistas el kvin ĉapitroj.

En la unua, S° B. donas al la naciaj vortaristoj bonegajn konsilojn. Li montras, ke « enkondukante novajn esperantajn vortojn okaze kaj pere de ia nacia vortaro, ĉu franca, ĉu germana, ktp., oni preskaŭ neeviteble transportas en Esperanton radikojn ne sufiĉe internaciajn, sed kontraŭe rekoneblajn nur de la nacianoj uzantaj tiun nacian vortaron ». Ekz. vortoj kiel *bekeŝo, mestizo, remtero, ŝeroj*, k. a., estas por Esperantisto ne germano « tute ne kompreneblaj, ĉar ili estas nur germanaj vortoj esperante vestitaj ». Sekve, « se ĉiuj vortaristoj agus same en ĉiuj landoj de la terglobo, baldaŭ ni havus, krom la komuna *internacia* Esperanto, staranta sur la fundamento de U. V., tiom da diversaj naciaj Esperantetoj, kiom estas da naciesperantaj Vortaroj ». En tia « malmetodo » kuŝas grava danĝero, pri kiu S° B, tute prave atentigas la facilanimajn vortarfaristojn kaj verkistojn. (Instigate de la sama antaŭtimo, la 2ª Kongreso de la Sudokcidenta franca federacio (Limoges, 5ªn de junio 1911) unuanime voĉdonis la deziron, « ke en la *komunaj vortaroj* kaj lernolibroj, la aŭtoroj nepre respektu la principojn de l'Fundamento kaj uzu nur la vortojn de l'U. V. kaj de la oficialaj Aldonoj kaj petas la verkistojn, ke ili enkonduku novajn radikojn nur en okazo de absoluta neceso » ).

En la 2ª ĉapitro S° B. klarigas, kial li aldonis al la Vortaro Esperanto-esperanta tradukaron francan.

En la 3ª, li asertas (sed pri tio mi ne konsentas), ke la radikoj de U. V. regule dispartiĝas en diferencajn kategoriojn t. e. verbajn, substantivajn, adjektivajn, ktp. Mi ne povas ĉi tie diskuti tiun teorion, laŭ mia humila opinio eraran, malliberigan, neutilan, eĉ malutilan. Mi permesas al mi ankaŭ malaprobi la konsekvencojn de tiu teorio pri *ekskluziva* kombiniĝo de kelkaj sufiksoj kun verboj, de aliaj kun substantivoj, ktp. Mi plene konsentas kun S° ĉefeĉ, ke la *radikoj* en U. V. estas nur « bazideoj » ne apartenantaj al difinitaj gramatikaj kategorioj.

En la 4ª ĉapitro, la demando estas pri diversaj kvazaŭ sufiksoj, kiel *acio, ismo, oro, atoro*... S° B. prave konsilas, ke oni uzu prefere plej simplajn radikojn kun la klasikaj esperantaj finiĝoj (ekz. ne *administratoro*, sed *administranto*).

La 5ª, la plej mallonga, enhavas kelkajn vortojn pri la propraj nomaj (malfacila demando kaj longatempa batalejo!) S° B. deziras, ke ĉiuj Esperantistoj konsentu pri tiu ĉi regulo : « En okazo de dubo oni ĉiam preferu la sufikson *an* al la sufikso *uj* por formi la nomojn de popoloj kaj de landoj » (Vidu pli sube broŝureton de S-ro Christaller pri tiu sama temo).

Ĉiuj instruantoj de Esperanto devas — mi ne diras ĉiudetale aprobi kaj sekvi — sed studi kaj modifi la ideojn kaj konsilojn de l'prezidanto de la Lingva Komitato.

Boirac. **Le problème de la langue internationale.** — Paris, Esperanta Centra Oficejo. Prezo : Sm. 0.10.

La Esperantistoj franclingvaj aŭ sciantaj la francan legos plezure kaj profite tiun gravan propagandan artikolon aperintan en la « Revue Pédagogique » (15 janv. 1911).

D-ro Cuisnier. **De l'Esperanto.** — Rennes, Crépin-Leblond. Prezo : Sm. 0.10.

La samaj legantoj ankaŭ mendu la franclingvan broŝureton, en kiu D-ro Cuisnier pruvas, post multegaj aliaj, ke internacia lingvo estas necesa kaj ke tiu lingvo povas esti nur Esperanto. Poste li respondas al diversaj kritikoj, montras la vivantecon de nia lingvo kaj rimedojn por certigi ĝian definitivan venkon.

**10-Spesdeka Biblioteko Esperantista**, n-oj 1ª, 2ª kaj 3ᵉ. Esperanto-propaganda Instituto, Leipzig.

La celo de tiu biblioteko (nun oni eldonas ne apartajn librojn, sed librarojn!) estas permesi « ke ĉiu persono povu malaltpreze akiri la plej gravajn literaturaĵojn kaj alispecajn verkojn en Esperanto ». La iniciatintoj de tiu biblioteko esperas, ke per la subteno de la tutmonda esperantistaro, tiu ĉi entrepreno fariĝos iom post iom vera trezoro de interesaj kaj klerigaj verkoj de la tutmonda literaturo. Efektive ĝi povas fariĝi potenca propagandilo kaj meritas la atenton kaj helpon de ĉiuj esperantistoj, se ĝiaj direktantoj publikigos nur utilegajn, gravajn kaj nediskuteble bonegajn verkojn.

La tri unuaj numeroj estas : *Kongresa parolado en Washington* (D-ro Zamenhof). — *Propraj nomoj en Esperanto* (P. Christaller). — H. Heine, *Libro de Kantoj*, trad. de Zamenhof. Belmont, Meier, k. a.

Mi deziresprimas, ke ĉiuj paroladoj de nia majstro, tiel gravaj por la esperantisma spirito kaj historio de nia movado, unu post alia aperu en tiu kolekto, kiu laŭvere estas je prezo malkara, laŭ oportuna poŝformato kaj presaranĝo, sur bona papero kaj tre korekte presita.

**Konkordanco al la Krestomatio**, verkita de J. C. O'Connor kaj C. F. Hayes. Pionira librejo esperanta, 135, Sellincourt Road, London, S. W. — Prezo : 13 Sm. (three pence).

Tiu malgranda modesta libreto estas la rezulto de grava konscienca laboro. La aŭtoroj pacience notis ĉiujn ekzemplojn de l'participoj en la Krestomatio. Ekzemple ili montras per du nombroj 444/16, 444/22, k. t. p. ĉiujn paĝojn kaj liniojn, kie troviĝas la finiĝo — *anta*. Tiu libreto tre utilos al tiuj (profesoroj kaj lernantoj) kiuj deziras studi nian lingvon en la Fundamenta Krestomatio, pli atentante la ekzemplojn ol la plej belŝajnajn teoriojn.

**Esperanto-poŝkalendaro por 1911.** Prezo : 0,30 Sm. (Leipzig, Kochstr. 61, eldonanto : Fritz Stephan.

Aug. Thierry. — **Historio de la komunumo de Laon,** trad. R. Deshays, kun antaŭparolo de E. Boirac. — Ricevebla de S-ro Deshays, Sens, Francujo. Prezo afranke : Sm. 0.14.

Krom kelkaj preseraroj, kiujn la leganto facile korektos, tiu libro, kiu estas la unua volumo de estonta historia *kolekto*, estas mendinda kaj leginda.

Rusa biblioteko, n° 2. Ĉeĥov, **Du rakontoj**, trad. B. Kotzin. Librejo Esperanto, 26. Tverskaja, Moskvo, Rusujo. Sm. 0.10.

Tiujn du rakontojn, **Veto** kaj **Ŝi volas dormi**, mi estis jam ie leginta (ĉu ne en Lingvo Internacia ?). Mi relegis ilin kun nova plezuro en ilia nova vesto de la *Rusa Biblioteko*. Tre interesaj estas la du rakontoj (precipe la unua). La nomo de nia malnova samideano B. Kotzin sufiĉe garantias la altvaloron de la tradukoj.

VERTO.

# ESPERANTISMO

Grava Avizo. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **10**ª *kaj* **25**ª *de ĉiu monato al ESPERANTO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE. por la sekvonta numero. Ili memoru ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintajo.*

## ONI KONGRESAS !

**Norda Federacio.** — La 18-an de Junio okazis en Roubaix Francujo, la ĉiujara federacia Kongreso de la Nordaj departementoj.

Multaj samideanoj ĉestis el urbaj grupoj : Amiens, Arras, Condé, Armentière, Boulogne, Douai, Lille, Roubaix, Tourcoing, St-Amand, St-Omer, Valencienne.

La Kongresanoj estis akceptitaj en la Urbdomo de la Adjunkto de l'Urbestro S-ro Chatteleyn, advokato, kiu per elokventa parolado deziris multan bonon al Esperanto.

Poste tagmanĝo kunigis ; S-roj Cart vic-prezidanto de S. F. P. E. ; Michaud organizinto de l'Unua Internacia kongreso en Boulogne-sur-Mer ; Dorion, prezidanto de la Norda Federacio ; Durieux vic-prezidanto, k.t.p. Ĉiuj kongresanoj multe aplaŭdis la viglajn paroladojn.

Vizito ĉe la Ekspozicio Internacia en Roubaix disigis iom la Esperantistojn kiuj denove retroviĝis por aŭskulti belan koncerton kiun sekvis balo.

Tre eble la Federacia Kongreso 1912 okazos en St-Omer.— A. D.

**Sudokcidenta Federacio.** — Jen detala raporto de nia kunlaboranto, S-ro « Verto », pri tiu kongreso, kiun ni mallonge priparolis en nia lasta numero :

La 2-a Kongreso de la S. O. franca federacio, kiu okazis en Limoges la 4-an kaj 5-an de junio, helpite de belega vetero, tre bone sukcesis.

Multaj vizitantoj venis el Ardentes, Bordeaux, Châteauroux, Paris, Périgueux, Poitiers, La Rochelle, Terrasson, Toulouse, Tulle, ktp. Multaj leteroj kaj telegramoj estis ricevitaj el Burgonja kaj Norda federacioj, Brest'a kaj Le Mans'a kongresoj. kaj el kelkaj grupoj, inter kiuj ni citos nur la novan kaj jam prosperan grupon en Kolozsvar (Hungarujo).

La antaŭvesperon (sabaton), publika parolado kun koncerto alvokis multnombran ĉeestantaron. Antaŭ pli ol 500 aŭdantoj, S-ro Evrot, prezentis la paroladiston, la famekonatan S-ron Th. Cart, nune vicprezidanton de S. F. P. E. En vere ĉarma kaj bonhumora « babilado », interplektita de spritaj anekdotoj, S-ro Cart montris, ne nur ke Esperanto estas lingvo bonsona, gracia, italhispane sonoranta, sed ankaŭ plej efika neŭtrala ilo por la propagando de la francaj lingvo kaj influo.

La dimanĉon matene, je la deka, en la grupejo, antaŭ cento da esperantistoj, okazis kunvero de delegitoj de U. E. A. S-ro Evrot kaj precipe S-ro D-ro Chalot (Toulouse) improvizis paroladetojn kaj, montrinte la utilecon de U. E. A., konsilis, ke ĉiuj aŭdantoj, reveninte en siajn urbojn, fervore diskonigu la servojn de nia gravega Asocio kaj varbu multajn Esperantianojn.

Ni tuj diru, ke en ekspozicieto aranĝita en la halo de la Fournier-agentejo, kiun direktas en Limoges nia samideano Canet, parto estis rezervita al esperantiaĵoj (gvidfolioj, jarlibroj, broŝuretoj, ktp.). Oni disdonigis ankaŭ senpage propagandan broŝuron por Esperanto, eldonitan de la franca Touring-Club.

Je la 3-a vespere la kongreso oficiale malfermiĝis sub la prezido de S-ro D-ro Desbrières, vicurbestro, speciale delegita de la urbestro, honora prezidanto de la Kongreso.

S-ro Desbrières gratulis S-ron Cart pri lia bela konvinka parolado ; poste li, en la nomo de la urbestraro, frate salutis la vizitantojn kaj esprimis la deziron, ke ĉiuj reportu hejmen plej agrablan memoron pri nia gastema industriema urbo.

S-ro Evrot dankis la urbestraron, kiu jam de kelkaj jaroj monhelpas al la grupo kaj favoras nian movadon.

En la festeno, kiu okazis la saman vesperon kaj en kiu partoprenis 80 personoj, S-ro Desbrières, meze de entuziasmaj aplaŭdoj, deklaris, ke li aniĝas nian esperantistan grupon.

Mi ne parolas pri la balo kaj pri la promenado sur la bordoj de la « klara rivero » Vienne. Mi diros nur, ke en la ferma kunveno la kongresanoj unuanime esprimis la jenan deziron : « ke en la komune uzataj vortaroj kaj en lernolibroj oni respektu la Fundamenton kaj uzu ekskluzive la vortojn de l'Universala vortaro kaj oficialaj aldonoj ; ke la verkistoj enkonduku novajn vortojn nur en okazo de nepra neceseco ».

La organizintoj de tiuj belaj festoj esperas, ke el tiu grava manifestacio rezultos multe da bono por la esperanta kaj esperantia propagando en la Sudokcidenta Francujo. — J. M. E.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Genova* (Italujo) oni fondis katolikan esperantan unuiĝon. Prezidanto estas pastro Don Facco. — A. S.

En *Genova* (Ital.) estas fondita antiklerikala esperanta grupo ; 15 membroj. La sekretario estas S-ro G. Rossi. — A. S.

En *Colon* (insulo Cuba) fondiĝis nova grupo ; post malmultaj tagoj oni malfermos librejon nomatan « Verda Stelo ». — A. M. O.

En *Moreuil* (Somme, Franc.) estas fondita grupo kun 16 anoj. — G. L.

En *Las Escaulas* (Hispanujo), nova grupo post parolado de S-ro S. Pi. — S. P.

**Paroladoj.** — En *Praha* (Bohem.) S-ro R. Steiner, tre konata teozofo. — Ĉ. Ĉ. E.

En *Olot* (Hispan.) ĉe la circulo Olotense, S-ro Garganta, pri la bezoneco de Lingvo Internacia. — J. P.

En *Las Escaulas* (Hispan.) parolis S-ro J. Pi. — J. P.

En *Limoges*, la 18 junio, S-ro Justin Godard, Deputato de Lyon, tre favore parolis pri Esperanto okaze de parolado pri « La paco per la Juro ». La ĉeestantaro estis tre granda. — E. L.

En *Perugia* (Ital.), S-ro Del. A. Mazzolini, laŭ peto de la Inspektoro, parolis ĉe la Pedagogia Societo pri Esperanto kaj U. E. A. kurso estos malfermata. — M.

En *Colon* (Cuba), S-ro A. M. Oliva en la milita klubo. — O.

En *Cordoba* (Hispan.), S-ro P. Linarès paroladis ĉe la Respublikana Klubo pri Internaciismo, Esperantismo kaj Esperanto. Ĝi estos presita kaj sendata al ĉiuj radikalaj societoj de Hispanujo. — P. L.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — En *Genova*, ĉeestis 150 personoj, tre interesataj. — A. S. La 10ªⁿ de junio, en *Napoli* ; interese estas noti, ke la tiea Komerca Ĉambro aranĝis la paroladon kaj afable pruntis la belegan salonon de la Borso ; ĝi estis reprezentata de unu Delegito. S-ro R. Bagnulo funkciis, kiel tradukanto. — R. B. (Vidu « Esperantia Parolejo » ).

*Vojplano* : Gibraltar 5-10 julio ; Malaga 11-13 ; Granada 14-16 ; Cordoba 17-19 ; Sevilla 20-22 ; Cadiz 23-25. Poste : Evora, Lisboa, Oporto, Madrido, Cartageno, Palma.

En *Palermo*, pro manko da tempo, S-ro Parrish ne povis paroladi sed li tamen propagandis pro la favoremo de la gazetaro.

**Esperantiaj Distriktaj Kunvenoj.** — *Centra Francujo.* Ĝi okazis en la urbdomo de Le Mans, la 5 junio. S-ro Auin estas elektita distrikta Delegito (inter la sep Del.). La raporto pri la faritaj servoj estas aprobita. S-ro G. Jégu (el

Laval), sekretario de la kunveno, proponis, ke oni interŝanĝu la du kolorojn de la afiŝo, por ke la verda stelo troviĝu sur blanka fono ; ke oni presigu la nomon de la urboj, anstataŭ tiuj de la Delegitoj, kiuj ofte ŝanĝiĝas ; ke oni lasu mallongan spacon por skribi klarigojn specialajn al ĉiu urbo. Rondiranta kajero estos kreata por la distrikto. — G. J.

*Nederlando.* — La 14 majo en Rotterdam. Prezidis S-ro Vermaas. Malmultaj ĉeestantoj. S-ro Vermaas raportas, ke du rondirantaj kajeroj sinsekve perdiĝis ; ĝi estos anstataŭata per cirkuleroj ; la kunveno tion akceptis. Fraŭlino Boon (Amsterdam) sendis al la kunveno tiujn tri propronojn : 1e Enpresigi en Holanda Pioniro la servojn farotajn de U. E. A. en Nerderlanda ; 2e Instigi la firmojn, kiuj aliĝis al U. E. A., sendi poŝtkarton aŭ leteron *en Esperanto* al samcelaj fremdaj firmoj ; 3e La Delegitoj klopodu varbi anoncojn por la esperanta eldono de Holland Express.

Pri la propono 2a, oni opiniis, ke preskaŭ neniu komercisto konsentas skribi pri neaferaj temoj ; la du aliaj estis akceptataj. — V. kaj P.

## ANTVERPENAJ KONGRESOJ

**La Sepa.** — La nombro de la aliĝoj atingis 888 je la 4-a de junio.

Oni estas insiste petata mendi, se eble, por du personoj nur unu ĉambron. La komitato faras ĉion eblan por plenumi la specialajn dezirojn de la mendantoj, ankaŭ pri la sidlokoj en la teatro, sed ĝi ne povas doni garantiojn al ĉiuj kaj por ĉio.

S-ro Davignon, belga ministro de la Eksterlandaj Aferoj, sendis en la nomo de la belga registaro invitojn al ĉiuj landoj reprezentataj en Bruselo, por ke ili sendu oficialajn delegitojn al la Antverpena kongreso.

La Antverpena urbestraro oficiale akceptos D-ron Zamenhof, la membrojn de la kongresa komitato, la Akademianojn, k.t.p., la 19 de aŭgusto. Ĝi prezentos la honorvinon al siaj invititoj kaj donacos al D-ro Zamenhof honoran pokalon. La loka ĵurnalistaro senescepte estas favora al U. E. A.

Jen *provizora festprogramo* de la Sepa :

*Vendredo 18.* — Malfermo de la akceptejo.

*Sabato 19.* — Malfermo de la ekspozicio. Akcepto de D-ro Zamenhof en la Urbestrarejo. Vespere, koncerto de la Vagabonda Klubo.

*Dimanĉo 20.* — Diservoj. Procesio de la gekongresanoj. Koncerto en la Zoologia Ĝardeno. Vespere, prezentado de *Devo de Reĝo*, de *Por trankvilaj Personoj* kaj de la *Revuo de la Sepa.*

*Lundo 21.* — Oficiala malfermo de la kongreso. Vespere : aŭdigo de flandraj kantoj.

*Mardo 22.* — Vespere, unua prezentado de *Kaatje.*

*Merkredo 23.* — Dua prezentado de Kaatje. Akcepto de la kuracistoj en la Cercle Médical.

*Ĵaŭdo 24.* — Disdono de la premioj de la Literaturaj konkursoj. Vespere, koncerto en la Zoologia Ĝardeno kaj privataj akceptoj.

*Vendredo 25.* — Balo.

*Sabato 26.* — Matene, ferma kunsido de la kongreso. Vespere, festeno.

*Dimanĉo 27.* — Diservoj. Manovroj de la Ruĝa Kruco. Vespere, koncerto en la Zoologia Ĝardeno.

.˙. *Fervojaj rabatoj.* — La distrikta delegito S-ro P. J. Vermaas de *Nederlando* sukcesis akiri ĉe la fervoja kompanio en sia lando specialajn kondiĉojn por kunvojaĝantaj kongresanoj. Haveblaj estas societaj biletoj por grupoj de almenaŭ dek personoj, kiuj kune vojaĝas. La biletoj valoras *unu monaton.* La prezoj (iri kaj reveni) estas de Amsterdam. Esschen (limo Holando-Belglando) : Dua klaso 4,4 Sm., Tria klaso 2,81 Sm. ; Rotterdam.-Esschen : Dua klaso 2,5 Sm. Tria klaso 1,5 Sm ; Utrecht-Esschen : Dua klasa 0,4 Sm. Tria klaso 2,65 Sm.

La vojaĝkartoj estas mendeblaj ĉe la delegitoj.

Kiam pli ol dek personoj deziras biletojn por komenci la vojaĝon el alia Nederlanda urbo ol la cititaj, ili sin turnu al la delegito de Nederlando. La mono por la biletoj devas esti sendita 10 tagojn antaŭe. Oni jam petis la Belgan delegiton klopodi por akiri rabaton por la vojaĝo Esschen-Antverpenon.

La 19-an de Aŭgusto foriros el Rotterdam karavano veninta el Anglujo ; personoj, kiuj intencas partopreni, sendu sciigon al la delegito.

**Kongresvojaĝoj.** — Jen kelkaj utilaj informoj pri la fervojaj vojaĝoj en Belgujo.

Kiel ni jam antaŭe sciigis al niaj britaj samideanoj, postkongresaj ekskursoj estos organizataj de la komitato de la kongreso tuj post ĝia fermiĝo ; la membroj de U. E. A., kiuj ĉeestos sian specialan duan kongreson (kaj mi konsilas al ĉiuj, ke ili ĉeestu) povos partopreni la postkongresan vojaĝon kiu komenciĝos la 31-an de aŭgusto kaj daŭros 6 tagojn.

Tiujn ekskursantojn kaj ĝenerale ĉiujn samideanojn ni deziras informi pri la malkareco de la vojaĝoj en Belgujo per specialaj biletoj 5 aŭ 15-tagaj : Abonaj kartoj uzeblaj sur ĉiuj belgaj fervojaj linioj estas liverataj sen iu ajn formalaĵo aŭ malfacilaĵo en ĉiuj stacidomoj de la lando je la sekvantaj prezoj :

| | Rezervitaj (1) | 2-a klaso | 3-a klaso |
|---|---|---|---|
| *5 tagaj* | Sm. 12.300 | Sm. 8.200 | Sm. 4.700 |
| *15 tagaj* | Sm. 24.500 | Sm. 16.400 | Sm. 9.400 |

Por ricevi tiajn biletojn sufiĉas, ke la alilanduloj sendu sian fotografaĵon (en malgranda formato) ĉe la landliman aŭ iun alian elektitan stacidomon, sciigante pri la speco de abonkarto dezirata, la tago kaj horo de sia alveno (kiam ili deziras komenci sian vojaĝon tra Belgujo) por ke la abonkarto estu preta je ilia dispono. Kun la pago, la ŝtato postulas garantiaĵon 5 frankan (Sm. 2.00) kiu estas redonota je la redono de la abonkarto post la fino de la 5 aŭ 15 tagoj en iu ajn stacidomo de la lando.

Jen nun kiamaniere legi la horojn de alveno aŭ foriro de vagonaro. En Belgujo la horoj estas markitaj de 1 ĝis 24. Minutoj inter meznokto kaj la unua horo matene, ekzemple 12.5, 12.42 estas montitaj per 0 aŭ 24 sekvata de. kaj de la nombro de minutoj, do : 0.0, 0.12, 0.42, aŭ 24.5, 24.57. Tagmezo estas ĉiam montrata kiel 12.0. Meznokto estas, laŭ la okazo, montrata de 0.0 aŭ 24.0 ; 0.0 por la elirantaj vagonaroj kaj 24.0 por tiuj vagonaroj, kiuj eniras ĝuste je la meznoko. — P. B.

.˙. *Karavano Basel-Antverpo.* La Turisma fako de U. E. A. intencas organizi karavanon por la vizito de l' 7-a kongreso kaj de la kongreso de U. E. A. en Antverpeno. Elirpunkto estos Basel, de tie preter Frankfurt, Kœln, Maastricht. Reveno per sama vojo aŭ laŭ deziro. La bileto por la simpla veturo Basel-Antverpo kostas : en dua klaso *Sm. 18,* — en tria klaso *Sm. 12.* — Por la plej bela parto de la vojaĝo, Koblenz-Kœln, oni vaporŝipos sur la Rejno. Restado dum unu nokto en Kœln, aŭ en Koblenz. Foriro el Basel 18-an de Aŭgusto matene.

Aliĝojn por la partopreno sendu al S-ro J. Schmid, Handelsdepartement, Bundeshaus, *Bern* (Svis.), kiu, laŭdezire, ankaŭ prizorgos la biletojn, se la necesa mono, post interkonsento, alvenos antaŭ la 1-a de Aŭgusto.

.˙. *Karavano de Londono al Antverpeno tra Harwich.* Samideanoj kaj iliaj amikoj povos enskribigi sin ĝis la lasta momento, kvankam estas konsilinde, ke ili faru siajn aranĝojn kiel eble plej baldaŭ, kaj sendu la necesan monon por ke litoj povu esti rezervitaj por ili sur la ŝipo.

(1) Tiuj abonkartoj estas uzeblaj en Belgujo en la kupeoj markitaj « Reservé » kaj en la salon-vagonoj ; tial ke la unua klaso ne ekzistas.

Por ĝeneralaj informoj pri la karavano, oni bonvole legu *Esperanto*, paĝo 169. Ĉiu sciu, ke la malkaraj biletoj estos uzeblaj nur la 18 aŭ 19-an de Aŭgusto, laŭ elekto, sed tiu sciigo devas esti donata kun la mendo. *Samideanoj, kiuj deziras forlasi Londonon antaŭ aŭ post tiuj datoj, devos pagi la plenan prezon.* Ili tamen povas mendi sian bileton de mi. Ĉiu aĉetanto de bileto aldonu 24 Sd. por la diversaj elspezoj. Sin turni al S-ro P. Blaise, La Espero, 8 Lynette Ave. London. Clapham Common.

## OKAZONTAĴOJ

### Programoj kaj informoj.

∴ Tagordo de la Esperantia Distrikta kunveno en Londono, 7 julio je la 7-a vespere : 1e Organizo de la propagando ; 2e Raporto pri la servoj faritaj ; 3e Proponoj farotaj dum la dua Kongreso de U. E. A. ; 4e Diversajoj.

Kunvenejo : St. Bride's institute, St. Bride's lane.

∴ La granda jara fest-ekskurso de la *Pariza Grupo* okazos la 23 julio. Diversaj societoj partoprenos (Esperantista Sporta Unio, la « Amikoj de Parizo » k. t. p.)

Nedetala programo : Foriro el Saint-Lazare al La Frette kaj Herblay ; boatveturado, laŭvole ; oficiala festeno en Herblay ; veturado al Franconville kaj ekskurso al Sannois (belega panoramo) ; reveno el la stacidomo Sannois.

La partopreno en tiu festo (inkluzive la vojaĝo) kostos nur 2 Sm.

∴ La Komitato de la Esperantista Grupo en *Charleville* (Franc,) informas nin, ke pro diversaj malhelpoj la festoj projektitaj en tiu urbo ne okazos la 30 julio.

∴ Programo de la antaŭkongresa ekskurso en Nederlando :

*16 Aŭgusto.* — Promenado tra Rotterdam ; boat-kaj tramveturado.

*17 Aŭgusto.* — Veturo al Hago per elektra vagonaro ; vizito tra la urbo ; veturado al Scheveningen ; vizito ; reveno al Rotterdam.

*18 Aŭgusto.* — Vizito de la muzeo por pentraĵoj, de la « Plaats Lommerryk » ; promenado tra la urbo.

Prezo por la 1-a kaj 3-a tago : 5,5 Sm. ; por la 2-a : 6,5 Sm. (kun loĝado). — Enskriboj estas akceptataj ĝis la *6 aŭgusto.*

Por informoj : S-ro P. S. Vermans, N. Binnenwg 340 b *Rotterdam*, Nederlando,

∴ La *Esperanta Psikistaro* organizos dum la Sepa psikistan subkongreseton por magnetistoj, hipnotistoj, spiritistoj, telepatiistoj.

La kunsidoj okazos en la Salonego (1-a etaĝo) de la kafejo Anselme », rue Anselme, 2, Antverpeno.

*20 Aŭgusto.* — Matene 10-a 12-a, raportoj.

*21 Aŭgusto.* — Vespere 9-a 11-a, raportoj, deziresprimoj ; spiritismaj eksperimentoj per internaciaj mediumoj.

La libro « Esperanta Psikistaro » estas senpage *ricevebla* el la sekretario. Partoprenantoj informu pri sia aliĝo S-ron A. Stas, rue Saint Antoine, 19, *Antverpeno.*

∴ Programo de la postkongresa ekskurso en Nederlando :

*27 Aŭgusto.* — Vojaĝo de Hago al Scheweningen.

*28 Aŭgusto.* — Promenado tra la arbaro ; vizito de unu muzeo ; koncerto.

*29 Aŭgusto.* — Vojaĝo al Amsterdam kaj Marken.

*30 Aŭgusto.* — Vizito al mondfamaj metiejoj per la tranĉado de la diamantoj ; vizito en muzeo.

*31 Aŭgusto.* — Ekskurso al Brasemer kaj Hager Lagoj. Vespere : Vizito al la iluminita lageto de la Haga arbaro.

Ĉiu partoprenonto sendu *antaŭ la 20 julio* 8 Sm. al F-ino Boon, Koningin Emmakade 96, *Haag* (Nederlando) ; tiu sumo utilos 5 foje por ĉambro kaj matenmanĝo. Al personoj, kiuj aliĝus post la 20 julio oni ne povas garantii ĉambron aŭ hotelon, pro la nombro de fremdaj vizitantoj- Oni do rapidu !

### Esperantista Kalendaro.

*7 julio.* — Distrikta kunveno de U. E. A. en Londono.

*9 julio.* — Festkunveno de la Nederlandaj Esperantistoj en Harlemo.

*19-20 julio.* — Kunsido de la Esperanto-Asocio de Pacifika Nordokcidento kaj distrikta kunveno de U. E. A. en Portland (Oregon, Usono).

*23 julio.* — Festekskurso de la Pariza Grupo.

*30 julio.* — En Charleville (Franc.) distrikta kunveno de U. E. A.

*14-19 aŭgusto.* — Dua internacia kongreso de la katolikaj Esperantistoj en Hago (Holando).

*16-18 aŭgusto.* — Antaŭkongresa ekskurso Rotterdam-Hago-Scheveningen.

*16-18 aŭgusto.* — Esperanto-tago en Dresdeno ; distrikta kunveno de U. E. A.

*18 aŭgusto.* — Kunveno de la Esp. Stenografistoj Gabelsberger en Dresdeno.

*20-21 aŭgusto.* — Kongreso de la Esperantistoj-psikistoj en Antverpeno.

*20-27 aŭgusto.* — Sepa Universala Esperanto-Kongreso en Antverpeno.

*26-30 aŭgusto.* — Dua kongreso de U. E. A. en Antverpeno.

*27-31 aŭgusto.* — Postkongresa ekskurso Hago-Scheveningen-Amsterdam-Marken.

*8-10 septembro.* — Dua Konferenco de la Aŭstriaj Esperantistoj en Praha.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Gvidfolioj kaj Gvidlibroj.* — La iniciata Sindikato de la *Vivarais* (Ardèche, Francujo) eldonis beletan ilustritan gvidlibreton pri tiu pentrinda regiono.

La Esperantista Grupo « Verda Stelo » eldonis luksan Esp. ilustritan gvidlibron de *Chalon-sur-Saône.* En tiu eldonaĵo la anoncoj ne estas en la teksto sed sur apartaj silkpaperaj folioj inter la paĝoj — kiel estas konsilinde.

Normanda Stelo publikigis tre kompletan gvidlibron en *Rouen.* Prezo : 0,25 Sm.

Ĉiuj tiuj gvidlibroj estas riceveblaj ĉe la Universala Esperantia Librejo.

Lastatempe aperis la jenaj gvidfolioj : *Ansbach* (8 paĝoj), *Dresden* (4 paĝoj), *Kiel, Kopenhag, Wyŝnij Woloĉok.*

Estus tre dezirinde, ke la gvidlibroj, anstataŭ esti tiel multformataj kiel nun, estu eldonataj laŭ la Monoa formato.

∴ *Esperanto dum la Aviada Eŭropa rondvojaĝo,* — Okaze de tiu grava sporta manifestado, organizita de *Le Journal*, nia fama samideano Henry Farman, la unua viro, kiu flugis dum unu kilometro en Francujo, nuntempe konstruisto de aeroplanoj, prenis la jenajn decidojn : Unue, ĉiuj aeroplanoj Henry Farman portos, kiel distingan signon, du verdajn stelojn esperantistajn, pentritajn sub la malsupraj alojn de la biplano (tiamaniere, ke tiuj steloj estos videblaj, kiam la aeroplano pasos super la kapoj de la rigardantoj). Due, la aŭtomobiloj de la Firmo Henry Farman, kiuj sekvos la kuradon, estos provizitaj de flagoj esperantistaj. Trie en la grandaj urboj, kie estas devigaj haltejoj, la Firmo Henry Farman verŝajne metos nian esperantan standardon super sia remizo. Kvar biplanoj Henry Farman partoprenos la la aerkuradon. Ili estas enskribitaj sub la numeroj : 22, 30. 59 kaj 60. Tiu decido de la Firmo Henry Farman estas grava propagando por Esperanto, kaj ni esperas, ke la ĉiulandaj esperantistoj bonvolos helpi kaj gratuli nian samideanon.

C. B.

∴ *Internacia Higiena Ekspozicio.* Pri tiu grava ekspozicio okazonta de majo ĝis oktobro 1911, aperis interesa kaj zorge farita Esperanta broŝuro kun ilustraĵoj. Ni rekomendas ĝin al ĉiuj niaj legantoj.

∴ *La Oka!* Jam de nun Krakovio komencas prepariĝi por la oka Universala Kongreso de Esperanto ! (1912). La tieaj samideanoj organizas en Oktobro 1911 grandan Esp. ekspozicion. (Oni sin turnu al la Del. de U. E. A. en Lvov).

∴ *Rabatoj por Esperantianoj en Carlsbad.* La Del. de U. E. A. por Chemnitz S-ro inĝ. P. Fabian, prez. de la « Unua Chemnitza Esperantista Societo » efikis la jenajn rabatojn por ĉiuj Esp-ianoj kaj iliaj familianoj kiuj vojaĝos Carlsbadon.

S-ro D-ro med. Richard Saths, bankuracisto kaj posedanto

de la ŝtata koncesiâ banejo por reŭmatuloj kaj t. p., kiel ankaŭ por stomako- kaj intesto-malsanuloj en Karlsbad, foirejo, « domo Zawojski » kontraŭ ŝprucakvo, estas preta havigi al la Esp-ianoj kaj iliaj familianoj la jenajn rabatojn :

a) Ĝenerale por kuracado estas la jena tarifo : 1a konsultado 5 kr., la pluaj po 3 kr., konsultadoj en domo de la malsanulo 4 kr., dum la nokto 5 kr.

b) Se la kuracado pli longe daŭras, eĉ en gravaj malsanoj, oni pagas por la tuta kuracado ne pli ol 40 kr.

c) Por ejaj kuracadoj oni pagas nur 50 0/0 de la ordinara tarifo.

d) S-ro D-ro Saths estas volonte preta informi la Esp-ianojn kaj iliajn familianojn vizitontajn la unuan fojon la mondkonatan lokon.

Imitinda ekzemplo por niaj Del. !

∴ *Adresaro de Esperantianoj*. La Esp-ianaro de Rotterdam, eldonis en Monoa formato, liston enhavantan ĉiujn Rotterdamajn Esp-ianojn. Estus dezirinde, ke tiu ekzemplo estu imitata en aliaj urboj. Tiuj folioj pro sia samformateco estas facile bindeblaj kaj iom-post-iom formos Esperantian Adresaron. Specimenon ni sendos laŭ peto.

∴ *Grava poresperanta entrepreno*. Estis enregistrata en Leipzig, la fama centro de librokomerco, la Esperanto-Propaganda Instituto, kies ĉefa celo estas praktika kaj laŭsistema propagando de Esperanto per kursoj, paroladoj, alcentrigo kaj vendado de ĉiuj Esperantaj eldonajoj kaj entute ĉiuspecaj Esperantajoj (insignoj, poŝtkartoj, bildoj de D-ro Zamenhof k. t. p.) eldonado de taŭgaj propagandiloj, libroj k. c. kaj starigo de fidinda statistiko de nia movado. La Instituto jam eldonis tre taŭgajn propagandilojn pri disvastiĝo de Esperanto en germana lingvo kaj aperigis tri kajerojn de la 10-Spesdeka Biblioteko Esperantista. Al grupoj kaj propagandistoj ĝi konsentas rabaton. Ĉiu, kiu deziras senpage ricevi la katalogon, postulu ĝin tuj per ilust. p. karto, uzota por rondiranta ekspozicio.

## TRA LA GAZETARO

∴ *El Tiempo* (Habana, Kuba) 21 majo, raportas pri paroladoj de S-ro A. Aleman Ruiz ĉe la kunvenejo de la vegetarana Societo. — L. A. M.

∴ *Danziger Zeitung* (German.) 10 junio raportas pri la sesa germana kongreso en Lubeko kaj parolas jam pri la preparajoj por la Sepa en Dancig-Zoppot (1912). — A. T.

∴ En *Memminger Zeitung* (German.), artikolo pri la ekskurso de la grupo al Grœnenbach. — W. D.

∴ *Danziger Neueste Nachrichten* (Danzig, German) 14 junio anoncas, ke la militestro per cirkulero informis la militistojn pri malfermota kurso de Esperanto. Sama informo en *Danziger Allgemeine Zeitung*, 14 junio. — A. T.

∴ En *La Revue* (Lausanne, Svis.) 14 junio, bona artikolo de S-ro Studento W. de Lerber, pri la progresoj de Esperanto en diversaj landoj. — W. L.

∴ En *Fremdenblatt* (Berlin, 12-18 junio), esperanta anonceto de la Unuiĝo por Fremdulaj rilatoj.

∴ *L'Emancipation de l'Instituteur*, organo de la sindikato de la geinstruistoj en la departemento Maine-et-Loire (Angers, Franc.) enhavas france diversajn informojn pri Esperanto ĉe la lernejo kaj esperante la artikolon « Kongreso por la morala edukado » de samideano C. C. Droogendijk ; ni publikigis ĝin la 20 aprilo.

∴ S-ro L. Carlos, pariza tipografisto, verkis tre bonan propagandan artikolon en la junia *Bulteno de la Pariza Tipografista Sindikato* ; li citis interalie la nomojn de esperantistaj tipografistoj en 45 malsamaj landoj ! Imitinde. — B.

∴ En Le *Journal du Commerce* (La Rochelle, Franc.) junio 1911 : *esperante* kaj france artikoleto pri la ripoztago en la diversaj religioj. — A. B.

∴ *Le National Suisse* (Chaux-de-Fonds) 13 junio, statistika artikolo de S-ro de Lerber pri la servoj de U. E. A. — W. L.

∴ En *The Warwick Argus* (Anglujo) 11 majo, respondo al... eraraga artikolo pri Ido.

∴ The *Manchester Union* (Anglujo) 2 junio raportis pri esperantista festo ; la sama jurnalo enpresis la 3 junio tradukon de nia artikolo « La Telefono en New-York ». (No de la 20 majo).

∴ *Dacon* (en Moukden, Ĥinujo) ĉiam enpresas laŭ la promeso de S-ro J. M. Vu, esperantiano, la tradukon de S-ro K. Ĉ. Ŝan, Delegito, pri la aferoj de U. E. A. Regularo, Dua Kongreso, kotizajoj, Okazontajoj, ktp. — K. Ĉ. Ŝ.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Propono.**

S-ro Brunet, Del. de U. E. A. en Bordeaux, faras la jenan proponon pri ŝanĝo en la Statuto :

§ 17. Forĵeti la lastan paragrafon : « Tamen en la regionoj, kie estas malpli ol 20 membroj, ili estas elektataj de la Direktoro de U. E. A. por la sama daŭro ».

§ 24. (Anstataŭ la nuna) diri : « En la regionoj, kie estas Esperantianoj, la membroj kunvenas unu fojon ĉiujare, laŭeble en novembro. Eksterordinara kunveno devas ankaŭ okazi, se la Delegito aŭ la duono de la Esperantianoj almenaŭ, tion deziras.

§ 22. Forigita.

Konforme al § 53 de la Statuto, se en tempolimo de 60 tagoj, pli ol la kvinono de la voĉdonrajtantaj Delegitoj aprobas tiun proponon, ĝi estos submetata al ĝenerala voĉdonado.

**Interŝanĝa Fako.**

La Komitato de U. E. A., laŭ la propono de S-ro M. Lévy, Del. St-Mihiel, apogita de S-ro Hodler, Dir. de U. E. A., akceptis la proponon formi interne de U. E. A. specialan sekcion pri Interŝanĝado. Ĝi akceptis la ĉi-suban regularon :

*Regularo de la Interŝanĝa Fako de U. E. E.*

§ 1. — Estas kreita interne de U. E. A. sub la nomo « Interŝanĝa Fako » speciala servo, kiu celas la interŝanĝadon de korespondajoj, ilustritaj poŝtkartoj kaj de aliaj objektoj, kiel poŝtmarkoj, fotografajoj, k. t. p.

§ 2. — Povas partopreni en tiu servo ĉiu Esperantiano, kiu akceptas la jenan regularon kaj pagas specialan kotizajon de 30 Sd. jare. La membroj estas varbataj ĉu senpere, ĉu de la Delegitoj.

§ 3. — La fako estas direktata de Fakestro, elektita de la komitato de U. E. A., konforme al § 45 de la Statuto. Li zorgas pri gvidado de la fako kaj redaktado de la Bulteno. Li estas responda antaŭ la Direktoro de U. E. A.

§ 4. — La Listo de la membroj de la Interŝanĝa Fako estas publikigata en speciala Bulteno, aperanta plurfoje dum la jaro kaj sendata al ĉiuj membroj. La Bulteno enhavas ĉiujn informojn pri la agado de la fako, kies oficiala organo ĝi estas.

§ 5. — Ĉe sia aliĝo la membro komunikas sur speciala formulo ĉiujn necesajn informojn pri la objekto de sia interŝanĝado, kun sia aĝo, profesio, adreso, k. t. p. Li subskribas la promeson respondi almenaŭ unufoje ĉiun peton, sendotan al li de samfakano, kaj rilatan al la sama objekto, korespondi Esperante kaj, en okazo de specialaj interŝanĝoj, ilin plenumi konforme al la interkonsento farita.

§ 6. — Ĉiu membro, kiu ricevas peton de alia fakano, konforman al la regularo kaj celantan la objekton, pri kiu li volas interrilati (laŭ la informo liverita en la Bulteno), havas la devon respondi ne pli malfrue ol dum dek tagoj post la ricevo. Li rajtas rifuzi interrilaton, sed kondiĉe ke li respondu almenaŭ unufoje la petinton.

§ 7. — Ĉiu membro, kiu ne konformiĝas al la antaŭaj reguloj kaj pri kiu plendo estis alsendita, ricevos rememorigan avizon de la fakestro. Se li ne respondas, li estos citata sur la faka Bulteno. Tri citoj en la daŭro de sama jaro kaŭzas eksigon.

La eksigoj kaj eksiĝoj aperas en la Bulteno. La membroj estas ĉiam citataj per sia orda numero.

§ 8. — En la okazo de eksiĝo aŭ eksigo la kotizaĵo ne estas repagata.

§ 9. — La jaro komenciĝas la 1 de Novembro. La personoj aliĝantaj post la 1 de Septembro estos konsiderataj kiel membroj ĝis la 1 de Novembro de la venonta jaro.

§ 10. — La Centra Kaso de U. E. A. havas la financan direktadon de la fako. Ĝi enkasigas ĝiajn enspezojn kaj pagas ĝiajn elspezojn. Almenaŭ 1/2 de la profito devos esti uzata ekskluzive por la fako.

Tiu ĉi regularo estos submetata al la ĝenerala voĉdonado, konforme al § 52 de la Statuto, se en tempolimo de 60 tagoj, pli ol la kvinono de la Delegitoj voĉdonrajtantaj ĝin skribe postulas. Se ne, ĝi estos konsiderata kiel definitive akceptita.

### Etato de la Esperantianoj

Je la 15a de junio estis enkasigita per la Centra Kaso de U. E. A. la kotizaĵo de 6.958 (Antaŭa monato 6.580).

Lastan monaton atingis pli ol 20 membrojn la jenaj regionoj : Wynberg, Madrid kaj Pleven.

La Direktoro.

*Konteltiro de U. E. A. de Majo*

| Elspezoj | $ | Enspezoj | $ |
|---|---|---|---|
| Lupago | 27 60 | Kotizaĵoj | 161 22 |
| Salajroj | 265 00 | Esperantiaj Entreprenoj | 21 40 |
| Oficejo | 106 80 | Gvidfolioj | 25 16 |
| Presaĵoj | 27 28 | Donacoj | 14 49 |
| | 426 68 | Donaco por la 1a Virina Bulteno | 28 00 |
| | | Aviado | 15 86 |
| | | Diversaj kontoj | 24 10 |
| | | | 290 23 |
| | | Saldo | 136 45 |
| | | | 426 68 |

### Novaj Del. Vicdel. aŭ Subdel.

Darmstadt (Germanujo, Grossherz, Hessen). — S-ro Paul Usinger, Schlossgartenstrasse 5, II.

Le Perreux (Francujo, Seine). — S-ro Georges Pillin, 55, Avenue Ledru-Rollin (Subdel.).

Napoli (Italujo). — S-ro Rafaelo Bagnulo, advokato, largo Gesu e Maria n. 4.

Nowesełо ap. Pidwołoczysk (Aŭstrio, Galicie). — S-ro Lés Denysiuk.

Oakland (Usono, Kalifornie). — S-o H. Gorham.

Piatyhory (Rusujo, gub. Kiev). — S-ro Felikso Kovalsky.

Wigan (Anglujo, Ince). — S-ro T. R. Ogden, 217, Ince Greenham.

### Ŝanĝoj.

Bologna : La Del. estas nun, S-ro Pastro Fernando Verri, San Maddalena di Budrio. — Halberstadt : La Del. estas nun, S-ro Karl Kuester, bankoficisto, Roonstrasse 2. — Letchworth : La Del. estas nun, F-ino A. Goodliffe, Elm Tree House. — Mainz : La Del. estas nun, S-ro E. Gaęssler, Kappelhofgasse 3. — Montpellier : La Del. estas nun, S-ro Johano L. Stangan, muzikisto, 12, State Street. — Nottingham : La Del. estas nun, E. W. Outen, librotenisto, 25, Cavendish Sale, Sherwood. — La Vicdel. estas nun, C. J. Pristley, 17, Marshall Street, Serwood. — San Francisko : La Del. estas nun, Robert E. Blackstone, instruisto, 310, Jefferson Lq. Build. — Valas Meziriĉi : La Del. estas nun, Karel Haltemar, studento, Zadrucka, 374.

# Esperantia Vivo

**Elekto.** — S-ro *Gabriel Alomar*, Delegito en Palma (Insulo Mallorca, Hispanujo) trafis per konkurso la katedron de la gimnazio en Gijon (provinco Asturias). Korajn gratulojn !

## STATISTIKAJ NOTOJ

Jen statistika etato de la Esperantianoj pagintaj la kotizaĵon por 1911 laŭ la *distriktoj* (je la 15 junio) :

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | Pariza distrikto | 223 | 43. | Svedujo | 56 |
| 2. | Bavarujo | 216 | 44. | Portugalujo | 52 |
| 3. | Sud-Orient. Franc. | 215 | 45. | Norda Hispan. | 50 |
| 4. | Centra Rusujo | 214 | 46. | Pacifika Usono | 47 |
| 5. | Bohemujo-Moravio | 211 | 47. | Danujo | 45 |
| 6. | Orient. German. | 209 | 48. | Aŭstrio | 43 |
| 7. | Okcid. Rusujo | 204 | 49. | Normandio | 41 |
| 8. | Svisujo | 200 | 50. | Siberio | 39 |
| 9. | Orient. Hispan. | 199 | 51. | Finlando | 37 |
| 10. | Burgonjo | 194 | 51. | Suda Afriko | 37 |
| 10. | Saksujo | 194 | 53. | Centra Italujo | 35 |
| 12. | Norda Anglujo | 192 | 53. | Centra Hispan. | 35 |
| 12. | Nederlando | 192 | 55. | Centro-Suda Franc. | 34 |
| 14. | Sud-Okc. German. | 170 | 56. | Malazio | 32 |
| 15. | Orienta Anglujo | 158 | 57. | Orienta Usono | 31 |
| 15. | Rejnlando-Vestfalio | 158 | 58. | Irlando | 29 |
| 17. | Nord-Okcid. German. | 149 | 59. | Turkujo | 27 |
| 18. | Polujo | 145 | 60. | Sud-Orient. Franc. | 25 |
| 19. | Suda Francujo | 131 | 60. | Norvegujo | 25 |
| 20. | Aŭstralio | 129 | 62. | Sud-Okcid. Franc. | 23 |
| 21. | Nord-Okcid. Anglujo | 128 | 62. | Norda Afriko | 23 |
| 22. | Centra Anglujo | 123 | 64. | Nord-Orient. Ital. | 19 |
| 23. | Suda Rusujo | 121 | 65. | Centra Norda Usono | 18 |
| 24. | Nord-Okcid. Italujo. | 120 | 65. | Urugvajo | 18 |
| 25. | Kaŭkazio | 109 | 67. | Antilioj | 16 |
| 26. | Norda German. | 107 | 68. | Meksikujo | 15 |
| 27. | Centra Francujo | 104 | 68. | Okcid. Franc. | 15 |
| 28. | Norda Francujo | 102 | 70. | Okcid. Usono | 12 |
| 29. | Suda Anglujo | 102 | 70. | Rumanujo | 12 |
| 30. | Orienta Francujo | 99 | 72. | Kolombio | 11 |
| 31. | Nord-Orienta Usono | 95 | 72. | Arĝentino | 11 |
| 32. | Centra Germanujo | 90 | 72. | Ĥinujo | 11 |
| 32. | Galicio | 90 | 72. | Sud-Orient. Hispan. | 11 |
| 34. | Belgujo | 89 | 76. | Grekujo | 10 |
| 35. | Suda Hispan. | 87 | 77. | Hindujo | 7 |
| 36. | Orient. Rusujo | 83 | 78. | Kanado | 6 |
| 36. | Adriatiko | 83 | 79. | Persujo | 5 |
| 38. | Bulgarujo-Serbio | 79 | 80. | Oriente-Centra Usono | 4 |
| 39. | Skotlando | 75 | 80. | Norda Rusujo | 4 |
| 40. | Brazilujo | 75 | 80. | Suda Italujo | 4 |
| 41. | Hungarujo | 72 | 83. | Japanujo | 1 |
| 42. | Nov-Zelando | 62 | 84. | Venezuelo | 1 |

Jen la etato laŭ la *landoj* (je la sama dato) :

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | Germanujo | 1.293 | 18. | Filipinoj | 32 |
| 2. | Francujo | 1.181 | 19. | Turkujo | 27 |
| 3. | Rusujo | 956 | 20. | Norvegujo | 25 |
| 4. | Granda Britujo | 807 | 21. | Urugvajo | 18 |
| 5. | Aŭstrio-Hungarujo | 499 | 22. | Antilioj | 16 |
| 5. | Hispanujo | 347 | 23. | Meksikujo | 15 |
| 6. | Usono | 232 | 24. | Serbio | 14 |
| 7. | Svisujo | 200 | 25. | Rumanujo | 12 |
| 8. | Nederlando | 192 | 26. | Kolombio | 11 |
| 9. | Aŭstralio | 191 | 26. | Arĝentino | 11 |
| 10. | Italujo | 178 | 26. | Ĥinujo | 11 |
| 11. | Belgujo | 89 | 29. | Grekujo | 10 |
| 12. | Brazilujo | 75 | 30. | Hindujo | 7 |
| 13. | Afriko | 60 | 31. | Kanado | 6 |
| 14. | Svedujo | 56 | 32. | Persujo | 5 |
| 15. | Bulgarujo | 55 | 33. | Japanujo | 1 |
| 16. | Portugalujo | 52 | 34. | Venezuelo | 1 |
| 17. | Danujo | 45 | | | |

# Esperantia Parolejo

## Oni proponas !

.˙. S-ro E. R. Blackett, Del. en Bath (Angl.), proponas, ke ĉiu Esperantisto pasigonta sian libertempon en fremdlingva aŭ eĉ sialingva urbo petu antaŭe *esperante* informojn kaj gvidfoliojn de la tiea publika informejo. Oni petu esperantan respondon, se eble.

.˙. En la Esperantia Distrikta Kunveno de Nederlando (Rotterdam) oni proponis prezenti en Antverpeno jenan ŝanĝprojekton en la § 17 de la Regularo :

« La Direktoro, elektinte novan Delegiton, informos pri tiu persono la Distriktan Delegiton, kiu aprobos aŭ malaprobos la elekton ».

.˙. En Berlino, la gazeto *Fremdenblatt* publikigas esperantan tradukon de apuda germana noto pri la Berlina « Unuiĝo por fremdulaj interrilatoj ». Por ke ĝi restu konstante, estas necese konvinki la Unuiĝon pri la disvastiĝo de nia afero ; ĉar la gazeto estas tre konata, ĝi alportus al ni tiumaniere grandan helpon. Sekve, S-ro O. Fromm petas ĉiujn samideanojn informiĝi *esperante* pri Berlino ĉe la « Unuiĝo por fremdulaj interrilatoj ». Simpla poŝtkarto sufiĉas.

.˙. S-ino M. Hankel proponas, ke ĉiuj partoprenantoj en la Sepa havu vizitkartojn kun *sia portreto*. Ĝi pli bone memorigus pri la tieaj renkontoj.

.˙. S-ro Fleck, antaŭa Distr. Del. por Bavarujo proponas, ke la Esp.-ia jaro komenciĝu la 1 de januaro, anstataŭ la 1 de novembro.

.˙. S-ro R. Fridrich, Del. Prostejov, proponas, ke apud ĉiu nomo de grava loko estu en la Jarlibro presata la nombro de tieaj loĝantoj. La intereso kreskos por la libro, kiu enhavos utilan statistikon.

## Oni laŭdas !

.˙. La franca gazeto *La Vie Sportive* (Toulon, 16 majo) publikigas tre interesan kaj entuziasman leteron de la granda firmo « A la Ville de Toulon », kiu dank'al la Delegitoj de U. E. A. negocis kun Londono, Berlino, Vieno, Vaŝintono, dum antaŭe ĝi tre malfacile rilatis kun tiuj landoj kaj ne ĉiam sukcesis sin komprenigi.

.˙. S-ro A. H. Mare (Dist. Del. Suda-Anglujo) vizitis dum Pentekosto Brest'on kaj kore dankas pro ilia afabla akcepto la tiean Delegiton kaj esperantistaron.

.˙. Dum printempo, S-ro A. Palĉevski, el Vilna, devis sin kuracigi en Kœnigsberg (German.) kaj tute ne parolas germane. Li esprimas siajn koregajn kaj sincerajn dankojn al S-roj Schwaiger (Del. Kœnigsberg) kaj Olschwanger, Stud., kiuj per sia komplezo plej agrabligis lian dektagan restadon en tiu urbo.

.˙. S-ro J. L. Stanyan, Del. Montpelier (Usono) tradukis esperanten leteron de *la urbestro*, kiu deziris rilati kun alta oficisto de Urugvajo. La Delegito en Montevideo, S-ro Idojaga, tradukis hispanen la esperantan tekston kaj vizitis mem la celitan oficiston. Niajn dankojn al ambaŭ Del. pro tiu inteligenta maniero konigi nian Asocion !

.˙. S-ro R. di Rienzi, el Parizo, entreprenis vojaĝon tra Belglando, Nederlando kaj Anglujo ; li kore dankas la Delegitojn de U. E. A., kiuj faris al li gravajn servojn.

.˙. « Dank'al U. E. A., mi havis ĝojan restadon en Anglujo, kies lingvon mi tute ne konas ». D-ro Le Duigou, Del. Cherbourg, Franc.

.˙. « Revenante de vojaĝo tra Italujo, mi estas tre feliĉa esprimi al vi la kontentecon, kiun al mi kaŭzis la servoj ricevitaj per U. E. A. en tiu okazo »..... G. Meunier, Esperantiano en Parizo.

# ALVOKOJ

## Al Protestantaj samideanoj !

Dum la Sepa Kongreso okazos protestanta kunveno, por kiu faris preparaĵojn S-ro W. P. Cnossen. Tie oni diskutos pri la kreo de *Protestanta Revuo Internacia* », sed estus dezirinde koni antaŭe la nombron de ili, kiuj intencas subteni tiun entreprenon. Por tio ili skribu, aldonante respondkupon, al S-ro *W. P. Cnossen*, ĉe kristana Unuiĝo (Rue van Schonbeke 111) Antverpeno, Belgujo.

T. H. (Dubuque, Usono).

## Al Delegitoj kaj Studentoj !

Dank'al la klopodoj de S-ro H. J. Unger (Zürich), la gazeto « *Freistudentisches Zentralblatt der Schweiz* » bonvolis regule akcepti artikolojn pri studentoj kaj Esperanto. Ke tio estas tre grava por ni en Zuriĥo (universitata urbo kun plie politeknika Superlernejo), ne bezonas diri. Tial do, delegitojn de U. E. A., studentojn kaj studentajn societojn oni petas konstante sendi faktojn pri esperanta movado inter la studentaro. Dokumentojn, informojn, k. t. p., al : *H. J. Unger*, Plattenstr. 46 Zürich V (Svisl.). Antaŭan dankon !

## Inter Laboristoj

Ĉar estas intencate en Zürich propagandi dum la proksima vintro inter la laboristoj, la subskribinto insiste petas, ke oni sendu al li informojn kaj dokumentojn pri la esperantista movado inter laboristoj ; estas dezirataj precipe statutoj, gazetoj, propagandiloj, cirkuleroj, k. t. p. Ni speciale alvokas al la laboristaj grupoj.

K. Jost, Del. U. E. A. Zürich.
(Culmannstr. 57, Svisl.).

## Gazetaj peresperantaj Korespondantoj

Kelkaj norvegaj ĵurnaloj regule duonmonate enpresas pri la socia aŭ politika vivo artikolojn eksterlande akiritajn *per Esperanto*. Same faras ankaŭ alilandaj ĵurnaloj. La artikolojn liveras la anoj de la « *Internacia koresponda rondo* » kiu havas reprezentantojn jam en 15 landoj. Estus tre dezirinde, ke la rondo akiru korespondantojn en *ĉiuj* landoj. Interesatoj sin turnu al S-ro :

R. Buseth (Namsos, Norveg.).

## Granda Esperanta Ekpozicio

En la jaro 1912 okazos en Krakovo (Galicio, Aŭstrio) *VIII internacia Kongreso Esperantista*. Jam hodiaŭ komenciĝas la preparaj laboroj al Kongreso, kondukataj de du junaj societoj akademiaj : Teknikista Grupo de Esperantistoj en Lvovo kaj Akademia Asocio Esperantista en Krakovo. En Lvovo, ĉefurbo de Galicio, grupiĝis sub protekto de « Teknikista Grupo de Esperantistoj » la Akademia Komitato de *Granda Esperanto-Ekspozicio*, kiel ĝenerala antaŭkongresa entrepreno. La tasko de Ekspozicio estos : kolekti kaj ekspozi *ĉion ajn* ĝis nun aperintan en kaj pri Esperanto. Do ni, junuloj, bonesperaj kaj fervoraj batalantoj por nia ideo turnas sin al ĉiuj samideanoj kun varmega peto : Helpu nin, sendante al ni ĉiajn taŭgajn por Ekspozicio objektojn : librojn, broŝurojn, gazetojn, muzikverkojn, afiŝojn, katalogojn, prospektojn, prezarojn, societajn regularojn, fotografaĵojn, statistikajn tabelojn, propagandajn poŝtkartojn, kovertojn, markojn, invitojn, festprogramojn kaj aliajn presaĵojn, ankaŭ diversajn komercaĵojn (1), kongresajn kaj ordinarajn esperantajn insignojn k. t. p. ; helpu nin, Sekretarioj de ĉiuj Grupoj kaj Societoj, sendante ilustritan poŝtkarton kun via grupa stampilo kaj mallongaj informoj pri fondado, nomoj de l'estraro kaj nombro de l'anoj.

Dum la vintro 1911-12 ni faros el ekspozaĵoj rondirantan ekspozicion, kiu migros tra la pli grandaj urboj de Galicio, en kiuj samtempe ni faros propagandajn paroladojn pri Esperanto. Ĉiujn objektojn ricevitajn prunte ni resendos sendifekte al posedantoj kun profunda danko. *Ĉiujn donace ricevitajn ekspozaĵojn ni transdonos al krakovaj samideanoj por « Kongresa Ekpozicio » kaj poste al Centra Oficejo por daŭriga propagandado.*

Ĉiujn sendaĵojn oni adresu al : S-ro Benedikto Herold, Del. U. E. A., Lvovo (Lwow), str. A. Potockiego 22 (Galicio-Aŭstrio), kun afabla surskribo : « Por Ekspozicio ».

## Al ĉiuj Esperantianoj !

Mi informas, ke la Esp.-Of. en *Trieste* (Via Barriera Vecchia 11-1), estrita de S-ro E. Premovich, ĉesis ekzisti ; ĉiu, kiu havis aŭ havas kun ĝi rilatojn sin turnu al mi.

V. Pohusta (Del. Trieste ).Via dei Pallini, 4. III.

## Per unu poŝtkarto !

Kiel ni raportis aliloke, la komerca ĉambro de *Napoli* (Italujo) interesiĝis al la parolado de S-ro Parrish kaj helpis lin. S-ro Rafaelo Bagnulo, Delegito en Napoli, petas bonvolajn samideanojn, ke ili sendu gratulojn kaj dankojn al ĝi. Jen la adreso : Camera di Commercia, Napoli, Italia.

(1) Laŭ interkonsento vendeblajn dum Ekpozicio.

# REKLAMO

## TARIFO

**Anoncetoj.**

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj): 20 Sd (= 50 centimoj).*

Petoj & Proponoj; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj); 15 Sd (= 40 centimoj).*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

**Reklamo.**

*1 linio aŭ ĝia spaco 20 Sd (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o; por 12 enpresoj, 25 o/o; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo kaj Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris*; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, X[e]; S-ro A. Dupuis, rue de l'Arc-de-Triomphe, 2, *Paris*; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.*: Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo, Th. Anding, *Berlin, S. W. 48*; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig*; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ciuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

Kiel (Germanujo). — S-ro Bernhard Lage, 66, Sophienblatt. L. PI. PM. b. fl.

Zucin (Rusujo, distrikto Vitebska). — Rumjancev Nikolao. L. PK. PI. (kun gejunuloj).

Liozno (Rusujo, distrikto Mohileva). — Bojat Vladimiro, L. PK. PI. (kun gejunuloj).

St.-Zagatje (Nikolaevskaja fervojo, urbeto Bobiniĉi, Rusujo). — Narbut Konstantino, L. PK. PI. (kun gejunuloj).

Komarom (Hungarujo). — L. Schneider, Magyar utca. 1/3 st., PI. L. b. fl. (kun turkoj, rusoj kaj ekstereŭropanoj).

Gœrlitz (German., Silezio). — S-ro Ferdinand Mally, Landeskronstr, 5. PI. m. b. fl. nur kun ekstereŭrop.

Rozna nad Perstynem (Aŭstrio Moravio). — Rosicky. K. L. PI. kun ĉiuland Samid.

Bogozodsk (Moskovskoj gub.). — Fabriko de K[o] Bogozodsko-Gluĥovskoj M-zo. Fraŭlo Sergej Emeljanov. PI. PM. L. (kun junaj gesamideanoj).

De Jutryp (Nederlando, Frislando). — S-ro Wibe P. Crossen, kun kristanaj socialistoj ĉie, per L. PK. PI.

Essen (Ruhr. West. Germanujo). — S-ro J. Bettges, librotenisto, Heiritzstr, 25. PI. L. (kun aliland).

Neverkovo (Rusujo, Jarosl gub.). — S-ro A. V. Lubomundrov, PK. L. (precipe kun francoj kaj finnoj).

Nazli (Azia Turkujo). — Salih Soubhi, kiŝmiri zadé, Yokari; Ali Kanber, kapitano; Moussa Kiazim, Leŭtenanto; PI. (kun ĉiuj gesamid.).

Bad Kissingen (German., Bavar.). — R. Rüegg, Hôtel Diano, sendas bavaran memoraj-p. markon kontraŭ belaj eksteireŭropanaj. PM.

Prostejov (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Vojta Klič, universitata studento, strato Ŝtêpanska, 68. L. (pri politiko kaj arto).

Krasno-Sklarna (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Jan Hrzebandetsky, studento. PI. PM.

Valas Meziriĉi (Aŭstrio, Moravio. — Rudolf Altenstein, studento, Plaĉo 106. PI. PM.

Hamburg (German.). — P. 13, Grindelhofallee. 9. 11, S-ro E. Frank, poŝtoficisto, L. PK. (kun ĉiul. gesam., pref. poŝtof).

Barcelona (Hispan.). — Petro Mayol, Bruziro. PI. (nur kun eksterhispan).

Odessa (Rus.). — Anoj de Odessa Societo « Esperanto » deziras korespondi kun alilandaj samideanoj. Ĉiam kaj tuj respondas. L. PI. kaj PK. — S-ro A. Tertus, Odessa, Société de Kotlarevski; S-ro A. Protĉenko, Odessa, poŝtakesto N[o] 1.555 (de Fomenko); S-ro A. Krivoj, Odessa, Balkovskaja 27; S-ro I. Vulich, Odessa, R. Arnautskaja 12; S-ro E. Pill, Odessa, Observatorni pereul. 17; S-ro I. Kanevski, Odessa, Piŝonovskaja 14, kv. 24.

Lausanne Svis.). — S-ro R. Schnell, La Chanterelle, Avenue des Cerisiers. PM.

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (V[e]). PI.

Wischau (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Gottfried Neubauer, sukerfabrikoficisto, PI. L. PM. kaj fotografaj., kun ĉiuland. samid prefere ekstereŭrop.

Romans (Franc.). — Subkolonelo Pillon aĉetas, interŝ. kaj cedas PM.

Berlin-Wilmersdorf (German.). — S-ro Paul Nollenberg, Holsteinische St. 44[a] P. I. kun neeŭropo.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

LIBERTEMPA VOJAĜO. — Mi intencas entrepreni dum la tempo de 20 julio ĝis 15 aŭgusto, 10-14 tagan piedmigradon tra la Dolomitmontaro laŭlonge la fama vojo, kaj serĉas por tio kelkajn samideanojn. Oni skribu al *Stefan Kunerth*, Del. U. E. A.
Meran, Habsburgerstr., 48. Tirolo, Aŭstrio.

INDRUTRIA SEKRETO, tre profitiga, aĉetebla por 400 Sm. (1.000 frank.); provebla antaŭe. Sin turni al S-ro V. Salvador, 30, Pelayo, 4-e, 1-a, *Barcelona* (Hispanujo).

BOHEMA BROŜURETO pri U. E. A., tre bona propagandilo: *Esperantismus* skribita de Rudolf Fridrich, estas sendata (nur kontante) unu ekz. 13 heleroj: 5 ekz. 50 heleroj; 10 ekz. 80 heleroj. Mendu ĉe S-ro Adolf Ajek, oficisto en fabrikejo Wichterle Prostejov, Moravio.

ĈU IU SAMIDEANO ekvolus preni sur sin parton de elspezoj Antverpenon? Respondu al « Esperanto ». A. 150.

DEZIRAS ŜANĜADI diversajn ĵurnalojn, Notario Jan Gulinski, Zambrovo, Rusujo.

MEMBROJ DE BOHEMA LABOR. ESP. SOCIETO « FRATECO » EN VIENO, Lerchenfelderstr, 67, deziras interŝanĝi esp. gazetojn, ili. poŝtk., presaĵojn, poŝtmarkojn kaj leterojn.

DETRUOTA INSEKTO. Por senpagaj sciigoj pri uzotaj rimedoj de detruado, skribi: S-ron F. Guitel, professeur à la Faculté des Sciences de Rennes (France).

SENPAGAJ INSTRUKCIOJ pri hipnotismo kaj pri magnetismo. Sin turni al Societo Psychique, Paris XIX[e], 142, rue Flandre.

ATENTU! Bonvolu antaŭ sendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukceplenan novan kanton: *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

